


# PEDAGOGIA REVUO

OFICIALA ORGANO
DE TUTMONDA ASOCIO DE
GEINSTRUISTOJ ESPERANTISTAJ
T. A. G. E.

9-a JARO, N-ro 2/3 FEBRUARO/MARTO 1930

## Tarifo de la abonprezoj.

| Landoj | Prezoj | |
|---|---|---|
| Angla | ŝil. | 3 |
| Argentina | pes. or. | 2 |
| Aŭstria | ŝil. | 5 |
| Belga | belgoj | 5 |
| Brazila | milr. | 5 |
| Bulgara | lev. bulg. | 100 |
| Ĉeĥoslovaka | kron. ĉeĥ. | 25 |
| Dana | kronoj d. | 3 |
| Estona | est. kr. | 3 |
| Finnlanda | mark. finl. | 30 |
| Franca | frankoj fr. | 18 |
| Germana | mark. or. | 3 |
| Greka | draĥmoj | 54 |
| Hispana | pesetoj | 4,5 |
| Hungara | kronoj or. | 4 |
| Itala | liroj ital. | 15 |
| Japana | jen. | 1,5 |
| Jugoslava | dinaroj | 40 |
| Litova | lid. | 7,5 |
| Latva | lat. | 4 |
| Nederlanda | gulden. | 2 |
| Norvega | kron. norv. | 3 |
| Pola | zlot. | 6 |
| Portugala | skud. | 15 |
| Rumana | lev. rum. | 150 |
| Rusa | kop. oraj. | 1,50 |
| Sveda | kron. sv. | 3 |
| Svisa | frank. sv. | 4 |
| Usona | dolaro | 1 |

Abonon por Int. Ped. Revuo sendu en nacia mono per registrita letero plej-eble pere de via landa agento al la administrejo.

Membroj de la germana asocio sendu la kotizon (4.— M: 1.— M por la germ. asocio, kaj 3.— M por Int. Ped. Revuo) al „Esperanto-Vereinigung Deutscher Lehrer". Girokasse Leipzig-Leutsch, Girokonto 27.857, membroj de la saksa asocio al k-go Schönherr, ĝiro Dresden 30.560, poŝtĉeko Dresden 112.617.

Mi petas kolegojn ĉiulandajn, ke ili korespondadu kun mi pri la temo: Kion ni instruas en popollernejoj por infanoj de 11 ĝis 13 jaroj pri la geografio kaj historio de Nederlando? — Mi certe respondos pri la sama temo, rilatanta la landon de la korespondonto. Mi ŝatus ŝanĝi objektojn, lernejajn librojn, landkartojn ktp. P. Korte, lernejestro, **Drieborg** (Gron.), Nederlando.

## Agentoj de TAGE.

**Vian kotizon akceptas:**

**En landoj:**

| | |
|---|---|
| Angla: | F-ino Kate Hancock, 172 Sackville Rd., Hove, Sussex. |
| Aŭstra: | Josef Feder, Wien II/I, Erlafstr. 8/9. |
| Bulgara: | Ivan Sarafov, Golemo-Selo, Kazanlika regiono. |
| Ĉeĥoslovaka: | Albin Neuzil, lernejestro Olomouc-Neredin. |
| Estona: | Agnes Dresen, Poska tanav 29-6, Tallinn. |
| Franca: | M. Boubou, 96 rue St. Marceau, Orléans-Loiret. |
| Germana: | Esperanto-Vereinigung Deutscher Lehrer ĝirokonto Leipzig-Leutzsch No. 27857. |
| Greka: | D-ro A. Stamatiadis, Rodou 21, Ateno. |
| Hispana: | Ferd. Montserrat, str. Villarroel 107, 2a, 2a, Barcelona. |
| Hungara: | Librejo de H. E. S. L. (Bleier Vilmos) Ujpest, Virag--utca 9. |
| Japana: | Joshi H. Ishiguro, Tokio, Koojimachi P. O. Box 1. |
| Java: | K. Wirjosaksono, Klaten. |
| Jugoslava: | Svetislav S. Petroviĉ, Beograd, Kosmajska 47, stan. 4. |
| Latva: | S-ino O. Juŝen, Riga, Ernestines iela 7 dz. 11. |
| Litova: | A. Prapuolenis, mok., Kazlu-Ruda. |
| Nederlanda: | P. Korte, Hoofd der School, Drieborg (GR). poŝtĉekkonto: 90 544. |
| Pola: | K. Majorkiewicz, Czersk-Pom., poŝtĉeka konto: PKO 202 100 (Poznan). |
| Rusa: | Centra Komitato de Sov. Esperant. Unio (SEU), poŝtkesto 630, Moskvo. |
| Sveda: | Ernfrid Malmgren, Heleneborgsgatan 6 Stockholm, poŝtĝiro 50 304. |
| Svisa: | S-ino N. Oumansky, 4 Petites Delices, Ĝenevo. |

# INTERNACIA PEDAGOGIA REVUO

9-a jaro. Numero 2/3
Februaro/Marto 1930

Oficiala organo de Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj (TAGE)

Redaktejo: D-ro KURT RIEDEL, Am Fuchsberg 2, Dresden A 20, Leubnitz-Neuostra.
Sekretariejo de TAGE: M. GOLDBERG, Im Lumbsch, Oetzsch b. Leipzig, Germ.
Administrejo: KARL KRÖBER, Weststrasse 4, Riesa a. d. Elbe, Germanujo,
Poŝtĉekkonto Dresden 110715.




## Voĉoj de l' homaro.

### La Mondfederacio de Edukaj Asocioj kondamnas militarisman edukadon.

La Mondfederacio de Edukaj Asocioj dum sia ĉiudujara kunveno en Ĝenevo, Svisujo, akceptis rezolucion, kiu urĝe postulas korpan kaj laŭsportan edukadon anstataŭ militarisma edukado kaj proponas precipe la jenajn devigajn punktojn:

La Mondfederacio de Edukaj Asocioj rekomendas:

1. Oni klopodu nepre trovi vojon, por ke sistema militarisma edukado ne okazu en civilaj edukaj institucioj, kaj, kie tiaj institucioj antaŭvidas militarisman edukadon, ĝi nepre ne estu deviga objekto de la instruplano;

2. oni nepre laŭforte klopodu anstataŭi la militarisman edukadon, kia ĝi ankoraŭ ekzistas en civilaj edukaj institucioj, per korpa edukado kaj sportoj, por tiel garantii adekvatan ekzercadon de l' karaktero kaj ŝtatana sentado kaj tiel progresigi la junularon de la mondo al pli bona kaj pli vasta kompreno de la vera signifo de patriotismo kaj de la devoj de ŝtatano;

3. oni instigu la organizaciojn ligitajn kun la Federacio, konatigi ĉi tiujn rezoluciojn kiel eble plej vaste en la edukaj institucioj de la regiono, al kiu ĉiu organizacio apartenas.

D.

## D-ro Privat pri la esprima potenco de Esperanto.

En „Esperanto" (organo de UEA, n-ro 353, Januaro 1930) D-ro Privat mencias en la artikolo „Esperanto kaj Arto" la intencon aperigi verkon pri tiu interesa kaj tre grava temo kaj diras pri tio la jenan:

„Kiu nun kapablus, ne pretendi, sed pruvi ke Esperanto ne povas esprimi sentojn? Se tiel estus, jam de longe ĝi jam dormus en tombaro de mortintaj sistemoj. Sed la vivo ĝin kaptis kaj blovis antaŭen. Estis mia tasko dum la du lastaj vintroj esplori ĝuste la ludon de la sentoj kaj la espriman povon en Esperanto. Tiu studo baldaŭ aperos. Kion konstati? Ke vigle, vive, vole, nevole la sentoj agas, premas, saltas, fleksas la klare travideblan kadron de nia lingvo kaj neniam konsentas al silentigo de l' esprimmanko. Ili postulas kaj sukcesas ĉiaman kaj tujan kontentigon de sia fantazio kaj kreas al nia lingvo abundan trezoron da esprimiloj el ĝia propra fundamento. Kaj tiu klara bazo ne rompiĝas sub la flekso. Male ĝi floras kaj koloras siajn fruktojn per klareco kaj trafeco. Sed pri tio poste . . ."

Kaj en alia gazeto, en „International Language" (Januaro 1930, sur paĝo 13) artikolo rakontas pri „Intervjuo kun D-ro Privat". Li gvidis en somera semestro 1929 ĉe Ĝeneva Universitato studentan kurson pri „esprimaj rimedoj de Esperanto".

Je la demando, ĉu li „intencas verki libron pri tiuj temoj", li respondas laŭ la artikolo:

„Certe, mi jam komencis tion dum la vintro, kaj, se mi trovos eldoniston konsenteman, mi publikigos ion pri la esprima potenco de Esperanto kaj la iloj, kiujn nia lingvo mem kreis al si por esprimi niajn sentojn kaj pensojn. Jam de longe mi konvinkiĝis, ke ni devas studi kaj konsideri nian lingvon kiel vivantan lingvon."

Laŭ la sama konvinko la Esperantista studentogrupo ĉe la Pedagogia Instituto en Dresden ekfaras similajn ekzercojn pri tiu temo.

---

## La angla Edukada (Lerneja Vizitado) Leĝpropono.

**(Education [School Attendance] Bill.)**

La nova Edukada Leĝpropono estas legita la unuan fojon en la Parlamentejo mardon, la 14-an de Decembro 1929, kaj estas publikigita la sekvintan ĵaŭdon, kiam Sir Charles Trevelyan faris klarigan paroladon pri alimentaj pagoj. Jen la teksto de la Leĝpropono, kun akompanantaj notoj.

**Klariga Noto.**

1. La celo de la Leĝpropono estas, altigi de 14 jaroj ĝis 15 jaroj la aĝon, ĝis kiu la edukado de infano estas leĝe postulata. La nuna devo de gepatroj laŭ la Edukada Leĝo, 1921, estas duflanka, nome (1) laŭ paragrafo 42, igi iliajn geinfanojn ricevi adekvatan elementan instruon, kaj (2) laŭ subreguloj (faritaj sub paragrafo 46) igi iliajn geinfanojn vizitadi lernejon, krom se ekzistas sufiĉa preteksto kontraŭa, ekz., ke la infano ricevas adekvatan

instruon alimaniere. Subparagrafo 1-a de klaŭzo (paragrafo, parto) 1-a de la Leĝpropono estas sekve tiel redaktita, por pritrakti ambaŭ punktojn, kaj detaloj pri la konsekvencaj ŝanĝoj ĉe la Leĝo de 1921 estas prezentitaj en la Aldona Dokumento al la Leĝpropono.

2. En distriktoj, kie la aĝo estas jam altigita ĝis 15 jaroj per subregulo, subparagrafo (3) de paragrafo 46-a de la Edukada Leĝo, 1921, ebligas al la loka edukada aŭtoritato, permesi escepton je individuoj. Tiu ĉi subparagrafo estas nuligota, kaj la aparta rajto (povo), permesi esceptojn inter la aĝoj 14 jara kaj 15-jara, ĉesos.

3. Laŭ paragrafo 20 de la Edukada Leĝo, 1921, lokaj edukadaj aŭtoritatoj jam havas la devon, provizigi praktikan kaj altgradan instruon en publikaj elementaj (popolaj) lernejoj. Tiu ĉi kondiĉo, laŭ la leĝpropono nuna, koncernos geinfanojn ĝis la aĝo de 15 jaroj, kaj la Aldona Dokumento faras konsekvencan ŝanĝon ĉe paragrafo 20-a.

4. Subparagrafoj (2) kaj (3) de klaŭzo I-a faras aranĝojn, por ke lokaj edukadaj aŭtoritatoj povu doni alimentajn sumojn (subvenciojn) pro geinfanoj dum la tempo, por kiu ilia periodo de lerneja vizitado estas plidaŭrigita per la Leĝpropono, t. e. inter la aĝoj 14-jara kaj 15-jara.

5. Paragrafo 118-a de la Edukada Leĝo, 1921, estas tiu, kiu klarigas la sistemon, laŭ kiu ŝtataj subvencioj estas pagataj de la Board of Education (Edukada Ministerio) al lokaj edukadaj aŭtoritatoj. Mallongige ĝi diras, ke ĉiuj tiuj subvencioj estas pagotaj laŭ la regularo farita de la Edukada Ministerio kaj sub tiaj kondiĉoj kaj limoj, kiuj povas esti farataj en la regularo. La paragrafo plie diras, ke (sub kondiĉoj de la regularo de la Edukada Ministerio) la sumo de la ŝtataj subvencioj ĉiujare pagata al loka edukada aŭtoritato ne estu malpli ol unu duono de la elspezo de la aŭtoritato, konstatita de la Edukada Ministerio kiel elspezo, helpe al kiu subvencioj parlamentaj devus esti pagataj al la aŭtoritato. La alimentaj pagoj pagotaj laŭ subparagrafoj (2) kaj (3) de klaŭzo I-a kaŭzos, sekve, pligrandiĝon je tiuj ĉi ŝtataj subvencioj, kaj tial subparagrafo (4) de la Leĝpropono faras formalan provizon, por saldi la pligrandiĝon per monsumoj donotaj de la Parlamento.

6. Klaŭzo 2-a de la Leĝpropono asertas, ke la Leĝpropono ne rilatu al Skotlando nek al Norda Irlando, kaj ke ĝi ekfunkcios la 1-an de Aprilo 1931-a; tiu ĉi klaŭzo ankaŭ enhavas rezervon, ke la Leĝpropono ne rilatu al geinfanoj, kiuj atingos la aĝon de 14 jaroj antaŭ tiu dato.

## Financa Noto.

1. La altigo per unu jaro de la aĝo, por forlasi la lernejon, necesigas la provizon de ekstraj instruistaro kaj ejoj, konservado de konstruoj, k. c., por la plua aĝgrupo. Ne estas plenumeble fari precizan antaŭkalkulon pri la ekstra kosto implikita al lokaj kaj ŝtataj impostoj pro tiuj ĉi servoj, sed ne estas malracie supozi, ke kiam la novaj planoj por konstruado estos plenumitaj kaj la nombro de infanoj en la aĝgrupo 14—15 estos pli-malpli stabila, tio estos unuafoje la jaron 1938-an, la suma kosto de tiuj ĉi servoj estos proksimume £ 2 500 000 po jaro. La plialtiĝo ĝis tiu ĉi sumo estos laŭgrada.

2. Estas proponate, ke la alimentaj sumoj pagotaj laŭ la Leĝpropono estu donotaj laŭ bazo de bezono, kaj ke la regularoj de la Ministerio asertu, ke la ŝtata subvencio, pagota al la lokaj edukaj aŭtoritatoj pro ilia elspezo por tiuj ĉi alimentaj sumoj, estu laŭ la speciala proporcio 60%. La kostoj de tiu

ĉi propono ne estas precize antaŭkalkuleblaj, sed verŝajne dum la unua kompleta jaro 1932—33 la sumaj kostoj estus £ 3 000 000. Pro provizora pligrandiĝo je la nombro de infanoj en la lernejoj la kostoj altiĝos ĝis £ 4 300 000 en jaro 1934—35, kaj ĝis £ 4 400 000 en jaro 1935—36. Pro tio, ke la speco kaj sumo de tiuj ĉi alimentaj pagoj estas konsiderataj kiel provizoraj kaj reviziotaj post kvin jaroj, ciferoj rilataj al pluaj jaroj ne estus aktualaj.

Resumo montranta antaŭkalkulita pojaraj kostoj trudata de la Leĝpropono al la Regna Kaso kaj Urbaj Kasoj laŭ la bazo supre klarigita.

| | Parto pagota el Regna Kàso | El Urbaj Impostoj | Sumo |
|---|---|---|---|
| Ekstra provizo por eduki la pluan aĝgrupon (ne enkalkulante alimentajn sumojn) pligrandiĝanta ĝis . | £ 2 100 000*) | £ 400 000 | £ 2 500 000*) |
| Alimentaj sumoj (unuan plenjaron) . . . . . . | £ 1 800 000 | £ 1 200 000 | £ 3 000 000 |
| | £ 3 900 000**) | £ 1 600 000 | £ 5 500 000 |

## La Leĝpropona Teksto.

### Leĝpropono por

Altiĝi ĝis 15 jaroj la aĝon, ĝis kiu gepatroj devas igi siajn geinfanojn ricevi adekvatan elementan instruon kaj vizitadi lernejon, kaj por fari provizon pro alimentaj sumoj al infanoj vizitantaj lernejon ĝis tiu jaraĝo kaj kiuj havas pli ol dek-kvar jaroj.

Estu leĝigate de Lia Reĝa Moŝto, de kaj kun la konsilo kaj konsento de la Lordoj Eklezaj kaj Mondaj, kaj nenobeloj, en tiu ĉi nuna Parlamento kunvenintaj, kaj per ties aŭtoritato (potenco) kiel sekvas:

---

*) La alta proporcio de tiu ĉi kosto pagota el la Regna Kaso fontas el tri konsideroj:

a) La efiko de la speciala subvencio por konstruado lasttempe promesita al aŭtoritatoj, por instigi ilin, fari rapidan provizon de ejoj;

b) la fakto, ke la ŝtato pagas 60% el la salajroj de la instruistaro, kiu estas la plej granda parto de la kosto por edukado de la infanoj; kaj

c) la efiko de tio, ke la pokapa subvencio de 36 ŝilingoj po infano, meze vizitanta lernejon (kiu estas integrala parto de la subvencia sistemo por elementa edukado), rilatos al la pluaj infanoj, kiuj vizitados la lernejojn.

**) Laŭ paragrafo 21 (I) de la Edukada (Skotlanda) Leĝo, 1918, (kiel tiu estas ŝanĝita per poŝtaj leĝoj), tiu ĉi sumo aŭtomate necesigos pagon de sumo egala al $^{11}/_{80}$ (dek-unu okdekonoj) de la kosto al la Edukada (Skotlanda) Kaso, tiel ke la suma kosto al la Regna Kaso estos proksimume £ 4 400 000 (kiam, kiel klarigite en paragrafo 2-a supre, la kosto pro alimentaj sumoj kreskas de £ 3 000 000 ĝis £ 4 400 000 en jaro 1935—36, la sumo pagota el la Regna Kaso altiĝos ĝis £ 5 400 000. Pro kialoj donitaj en tiu paragrafo, ciferoj rilataj al postaj jaroj ne estas aktualaj).

I. 1. La aĝo, ĝis kiu gepatroj devas konforme al la Edukada Leĝo, 1921, (ĉi-poste nomata „la ĉefa Leĝo“) igi siajn infanojn ricevi adekvatan elementan instruon kaj (laŭ la kondiĉoj de tiu Leĝo) vizitadi lernejon, estu 15 jaroj; kaj konsekvence la ŝanĝoj precizigitaj en la dua kolono de la aldona dokumento al tiu ĉi Leĝo estu faratai ĉe la provizoj de la ĉefa Leĝo precizigitaj en la unua kolono de tiu aldona dokumento, kaj ĉiaj subleĝoj nundevigaj sub la ĉefa Leĝo ĝis la komenciĝo de tiu ĉi Leĝo postulantaj, ke la gepatroj de infanoj igu ilin (laŭ la kondiĉoj de la ĉefa Leĝo) vizitadi lernejon ĝis iu aĝo malpli ol la dek-kvinjara efiku kvazaŭ por tiu jaraĝo estus anstataŭigita la aĝo dek-kvinjara.

Sen malutilo al la povoj de loka edukada aŭtoritato por elementa edukado sub paragrafo 24-a de la ĉefa Leĝo, nek al la povoj de loka edukada aŭtoritato por supera edukado sub paragrafo 71-a de tiu Leĝo, la povoj de ĉiu tia aŭtoritato sub tiu Leĝo enhavu, rilate al elementa edukada kaj al supera edukado respektive, la povrajton, fari aranĝojn, por provizi alimentajn sumojn al infanoj, havantaj pli ol 14 jarojn, vizitantaj lernejon ĝis tiu aĝo, kiam, laŭ la leĝoj rilatantaj al elementa edukado kaj laŭ la subleĝoj faritaj sub iliaj kondiĉoj, iliaj gepatroj ĉesas havi la devon, igi ilin tiel fari.

3. Estu la devo de ĉiu loka edukada aŭtoritato, tiel praktiki la povrajtojn al ili donitajn per la lasta antaŭiranta subparagrafo, kiel certigos, ke alimentaj sumoj ne estos rifuzataj (detenataj) krom konforme al tiaj kondiĉoj kaj limoj, kiaj povos esti difinitaj per regularoj farotaj de la Edukada Ministerio laŭ paragrafo 118-a de la ĉefa Leĝo.

4. Ĉiuj sumoj, per kiuj la subvencioj helpe al edukado pagotaj de la Edukada Ministerio al lokaj aŭtoritatoj laŭ paragrafo 118-a de la ĉefa Leĝo kaj la regularoj faritaj sub ĝi, estas pligrandigataj pro la provizo de alimentaj sumoj, sub tiu ĉi paragrafo estu saldota el monsumoj voĉdonitaj de la Parlamento.

II. 1. Tiu ĉi Leĝo povas esti citata kiel la Edukada (Lerneja Vizitado) Leĝo, 1929, kaj tiu ĉi Leĝo kaj la Edukadaj Leĝoj 1921 kaj 1923, povas esti kune citataj kiel la Edukadaj Leĝoj 1921—1929.

2. Krom tie, kie la kunteksto alimaniere postulas, aludoj en tiu ĉi Leĝo al la ĉefa Leĝo aŭ al iu ties provizo estu komprenataj kiel aludoj al tiu Leĝo aŭ provizo tiel kiel ĝi estas ŝanĝita (aligita) per iu posta leĝo inkluzive tiun ĉi Leĝon, kaj tiu ĉi Leĝo estu komprenata kiel (unu sama) unuigita kun la ĉefa Leĝo.

3. Tiu ĉi Leĝo ne rilatu al Skotlando nek al Norda Irlando.

4. Kiel rilatas al iu infano naskita en aŭ antaŭ la unua tago de Aprilo 1917, la ĉefa Leĝo kaj ĉiuj subleĝoj faritaj laŭ ĝi efiku kvazaŭ tiu ĉi Leĝo ne estus akceptita.

5. Tiu ĉi Leĝo efiku la unuan de Aprilo, 1931-a.

Tradukis SAT-ano 2978.

Noto. La Leĝo estas „Leĝo 100-a“.

# Laŭcela aktiveco (agado) je edukado.

De Burton P. Fowler, Tower Hill School, Wilmington, Delaware, U. S. A.
(Anglalingve parolita en la Helsingora kongreso.)

Laŭcela agado estas esprimo enkondukita de Johano Dewey (Dui), por difini lernadon per efektiva vivado kontraste je lernado kiel preparado por plenaĝuleco. Ĝi enhavas en si la koncepton, ke lernado estas procedo de eltrovado kaj enketado prefere al sistemo de jam preparita scio deveninta al ni de mezepoka skolastiko. Unuvorte, ĝi signifas, ke granda celo postulas grandan penadon.

Ĉi tiu ideo: lerni per la tujaj celoj de la ĉiutaga vivado, resume priskribas kaj la edukadan filozofion de Dewey kaj la tutan rezultantan movadon, kiun en Usono ni nomas Progressive Education (Progresema Edukado). La filozofio pri laŭcela agado estas transformita en edukadan metodon en Usono de Kilpatrick (Kilpatrik), Stevenson, Charters (Ĉarters), Bonser, kaj ceteraj. Dum jardeko la problemo-metodo kaj la projekto-metodo estas ege popularaj en Usono. Kvankam nunmomente ĉi tiuj terminoj ne estas tiel vaste uzataj kiel antaŭe, la procedo prosperas laŭesence sub tiaj similaj nomoj kiaj, ekzemple, u n u o j, c e n t r o j d e i n t e r e s o, t a s k o j, e n t r e p r e n o j, kaj aliaj esprimoj (terminoj) priskribantaj kolektivan agadon.

Laŭcela agado, kiel filozofio esprimata laŭ terminoj de la edukada praktiko estas enkorpigita en la provaj principoj eldonataj de la Progressive Education Association (Progresema Edukada Asocio), kiuj siavice detale similas tiujn alprenitajn de la New Education Fellowship (Nova Edukada Labor-Rondo) en Eŭropo.

Nenie pli ol je edukado la filozofo trovis tiel malfacile senigi sin je antikvaj antaŭjuĝoj. Plato, Froebel, Pestalozzi, Herbart, kaj multaj ceteraj, kiuj helpis difini la fundamentojn de la edukada teorio moderna, ĉiuj emis al la ĝenerala eraropinio, ke la edukado estas f o r m a d o anstataŭ kreskado — formado kiel „la malbono de celoj elekstere altrudaj"; k r e s k a d o kiel „la restarigo de la sperto, kiu aldonas al la signifo de la sperto, kaj kiu pligrandigas la povon gvidadi (kontroladi) la direkton de postaj spertoj".

Johano Dewey, ja vere, respegulas en sia profunda koncepto pri la edukado kiel la restarigo de la sperto multajn ideojn de siaj eminentaj antaŭuloj, sed kun tiaj novaj emfazo kaj redirektado, ke ili ŝanĝas la edukadan praktikon tra la tuta mondo. Tiel, la „laŭcela ago" de D-ro Kilpatrick estas tiel malnova kiel la ekesto de la raso, kiam la primitiva homo „celis" mortigi sian malamikon per bastonego, aŭ la sovaĝa tribo „celis" kune ataki kaj subigi siajn malamikajn najbarojn. La progreso, post ĉio, estas precipe reeltrovo de la evidento. La moderna edukado estas la rezultato de preciza vido anstataŭ de blinda kredo.

Kiuj estas kelkaj el ĉi tiuj ideoj, plejparte tiuj de Johano Dewey, kiuj donadas novan direkton al la edukado?

1. La edukado estas socia renovigo. Kiel nutrado kaj reproduktado renovigas la fizikan vivon, tiel ankaŭ la edukado eternigas la mensan, spiritan, kaj socian vivon.

2. Ĉi tiu renoviga procedo estas esence la kunpartoprenado en la spertoj. Tial, ĉar la komunuma vivo estas kolektiva entrepreno, kaj ĉar la lernejo

estas nur artefarita rimedo por efektivigi efikan socian vivon, ĝi ankaŭ devas esti loko kie la spertoj estas kunpartoprenataj, loko kie pli bonaj formoj (specoj) de kolektiva agado realiĝas.

La rapida amasiĝo de la scio kaj de teknika lerteco dum la lastaj kelkaj jarcentoj ege pligrandigis ĉi tiun danĝeron, nome, partigi la edukadon de la vivo.

3. Laŭcela agado, kiu rezultas sole el tio, kio estas komprenata kaj pripensata, diferencigas la edukadon homan de tiu de la bestoj. Estas nur kiam infano estiĝas partoprenanto je kolektiva agado, ke ĝi kaptiĝas per la ideoj kaj emociaj inklinoj de la grupo. Preparado rezultigas fizikan respondon (reagon). Multe da lecionlernado estas je ĉi tiu nivelo. La edukado estas tiu inteligenta reago, kiun ni nomas pensado, kaj sekve postulas por sia kompletigo, „celadon, projektadon, plenumadon kaj juĝadon".

Agado estas tradicie kontrolita per tiaj eksteraj stimuloj, kiaj estas la kutimoj kaj reguloj de maturuloj, minacoj, rekompencoj kaj punoj, kaj per aliaj specoj de persona influo. La menso ne estas necese incitata per tiaj kontrolrimedoj. Aliflanke, agado estiĝas vere inteligenta, kiam ĝi direktiĝas (kontroliĝas) per celo, per konscia intereso, kaj kiam ĝi fontas el la naturo de la kondiĉoj.

Per aliaj vortoj, la naturaj impulsoj de infano ne akordiĝas kun la sociaj kutimoj. Trans ĉi tiu breĉo (malplenaĵo) estas la edukado. Gvidado, direktado estas necesa. La plej bona speco de gvidado ne estas perfortado sed laŭcela, memdirektata agado.

4. La teksto (lernmaterialo) ne estas izola amaso de scio, sed ĝi estas la ĉiama sperto de la raso, kies signifon, per siaj propraj travivitaĵoj senperaj, la infanoj povos ensorbi. Tial ke la lernmaterialo konsistas unuavice el la s i g n i f o j, kiuj donas enhavon al la ekzistanta vivo socia, tiaj lernobjektoj, kiaj estas historio, geografio kaj scienco, ludas aparte gravan rolon je etendo de la signifo de senpera sperto propra.

5. La sperto kaj la pensado estas unueca procedo. Dewey difinas la pensadon kiel „la preciza kaj antaŭmeditita starigo de kunligoj inter tio, kio estas farita, kaj ties konsekvencoj". Ĝi faras ĉi tiujn kunligojn en la formo de rilatecoj. La pensado estas por determini la signifon de iu ago jam farita aŭ farota. Ĉi tio postulas proponotan solvon, ekzamenadon de la ekzistantaj kondiĉoj, kaj provadon de la proponita solvo. Tiel ni havas ĉi tiujn kvin esencajn stadiojn de medita pensado:

1. La pensado komenciĝas per vera situacio en la sperto — io por fari, ne io por lerni. Ĉu ĝi estas persona, reala situacio? Ĉu ĝi estas propra al la infanoj?

2. Vera celproblemo devas disvolviĝi kun ĉi tiu situacio kiel stimulo al pensado, tipo de „embaraso", kiu kunligiĝas kun spertotipo, kiun la infano travivis. Ĝi devas esti sufiĉe malfacila por elvoki pensadon, kaj sufiĉe facila por liveri „lumajn" regionojn de helpplenaj sugestioj. Ĉi tiu lernstadio estas tio, kion Brunham trafe nomas la t a s k o.

3. Devas esti donitaĵoj ĉerpitaj el adekvata scio kaj observado, tiaj kiaj estas agoj, faktoj, okazintaĵoj, interrilatoj. Ankaŭ la memorpovo, observado, legado, kaj komunikado ĉiuj estas vojoj por la livero de donitaĵoj (faktoj necesaj kaj utilaj). Tiel evoluiĝas „plano" kiel solvi la problemon.

4. Proponataj solvoj estiĝos, t. e. ideoj rezultos en la formo de konjektoj, divenoj, konkludoj kaj similaj. Ĉi tiuj estos originalaj. Ideoj ne povas esti diratai. Oni devas eltrovi ilin. Je la plimulto de agadoj, ĉi tiu estos la fara aŭ plenuma stadio. Ĝi estas la propra kontribuaĵo de la lernanto al sia sperto.

5. Ideoj aŭ atingitaĵoj estas provataj per aplikado aŭ kritiko por pliklarigi sian signifon kaj por taksi sian valoron. Tiaj rimedoj, kiaj estas diskutado, verkado, ilustrado, dramaj prezentaĵoj, laboratoria laboro, metieja laboro, kaj ĝardenkulturo, estas utilaj por tia prijuĝo. Tiel lerneja lernado fruktigas ordinarajn spertojn.

Ni jam atentigis, ke la stadioj de medita pensado difinitaj de Dewey estas ankaŭ la esencaj stadioj de ĉiu vere edukada sperto. Ĉi tio estas la celado, projektado, plenumado kaj juĝado de Kilpatrick kiel aplikata al ĉiu ajn laŭcela ago ĉu de individuo ĉu de grupo.

Ekzemplo hazarde elektita el la tipa procedo de agada (aktiveca) lernejo helpos pliklarigi ĉi tiun ideon.

La plugado de kampo kuŝanta apud lernejo vekis intereson ĉe grupo de infanoj naŭjaraj je la konstruo kaj historia disvolviĝo de terkulturado. Ĉi tio kondukis al studado pri la produktado de nutraĵo kaj ties distribuado tra la mondo. La problemo prezentita de ĉi tiu reala sperto, la planado kaj efektivigo de laŭcela kolektiva agado daŭranta pli ol du monatojn ekzempligas la taŭgecon de ĉi tiuspeca problemo kaj procedo por instrui la inklinojn, (sintenojn), la historiajn kaj geografiajn faktojn necesajn por efika partoprenado en la moderna socio.

Tiaj agadoj, kiaj estas la sekvantaj, trovis lokon ĉe la „planado (projektado), plenumado kaj juĝado" de tiu entrepreno: vizitoj al farmoj, butikoj, kaj muzeoj; ĉiu infano desegnante „muraĵon" ilustrantan stadion en la evoluo de terkulturado; farante miniaturajn farmojn antikvajn kaj modernajn; enketado kaj raportado de grupoj; desegnante tutmondan nutraĵ-landkarton je formo de ornama ekrano; okazigante „geografian" festenon kiel kolektiĝan (kolektivan) programeron.

(Pluajn ekzemplojn oni povas trovi je la studado de la latina lingvo; konstruon de romana domo, kaj studentan regadon.)

En sia pli frua disvolviĝo antaŭ unu jardeko, laŭcela agado, nomita „la projekto", troviĝis en la danĝero fariĝi populara artifiko tiel formala kaj artefariteca kiel la „paŝoj" (stadioj) de Herbart aŭ ĉiu ajn alia instrua ruzrimedo. Manlaboro per ligno, vestaĵfarado, „Ivanhoe", Shakespeare, kaj la binoma teoremo, ĉiuj submetiĝis je la celado, projektada, plenumada kaj juĝada modelo.

Tamen, laŭcela agado persistas kiel filozofio kaj hodiaŭ ĝi influas, vigligas, kaj pliriĉigas la instruan procedon pli ol iam ajn antaŭe. La ĉefideo venis por ĉiam, nome, ke la celoj de infanoj, direktataj de saĝaj geinstruistoj estas la solaj efikaj manieroj, laŭ kiuj ili povos lerni. Ĉi tio estas vera, ĉar la supozo kuŝas sur la leĝoj de lernado. La tasko devas esti tutkore propra al la infano; ĝi devas partopreni la planadon por ĝin efektivigi, kaj havi iel rajton elekti je la efektiva plenumado. Estas principo prefere ol regulo de la praktiko, ke laŭcela agado daŭre donados signifon kaj direkton al la infana lernado, ĉu temas fari boaton, ĉu ĝui poemon.

Agado (aktiveco), kiel Dewey atentigis en sia prelego antaŭ la ĉiujara

konferenco de la Progressive Education Association (Progresema Edukada Asocio) en jaro 1927-a, ne estas laŭnecese speco de fizika sinesprimado. Fakte, tiel estas kompreni la ideon laŭ plej mallarĝa senco. Agado povas realiĝi per legado, per taksado, per abstrakta pripensado. Estas la „set“, la sinteno, la celo, kiu diferencigas aktivan akiron de pasiva akiro rilate al lernado. Ne taksi (kompreni) agadon kiel inteligenta krom fizika sufiĉas por klarigi multon de la miskompreno kaj antagonismo je la nova edukado.

Esperantigis H. Stay, Bournemouth, Hants., Anglio.

---

## Nova Vojo aŭ Tendara Libertempo por Knaboj.

Esperanto estas lingvo, per kiu oni povas detrui lingvajn barilojn. Sed ni instruistoj trovis en nia klaslaboro, ke ekzistas ankaŭ aliaj bariloj — la bariloj de manko de simpatio kaj interkompreno, kiuj ofte apartigas instruistojn kaj lernantojn. Se iu povas proponi metodon por detrui almenaŭ kelkajn el tiuj bariloj, ĝi estu bonvena. Ĉar dum la lastaj jaroj mi mem trovis almenaŭ unu tian vojon al la koroj de la knaboj, mi nun, ne sen iom da hezito, donos kelkajn detalojn pri miaj spertoj.

Dum multe da jaroj mi opiniis, ke libertempo en la freŝa aero, en tendaro, estus bonega kaj saniga, ne nur por plenkreskuloj, sed ankaŭ por knaboj. Fine, amiko kaj mi decidis aranĝi tian libertempon por la knaboj en nia lernejo. Post multe da pripensado, ni ankaŭ decidis, ke la knaboj pli bone ĝuus la libertempon, se ili mem helpus pagi por ĝi, ĉar, kiel oni scias, kio kostas malmulte, ofte valoras malmulte. Do, ni intencis ke la knaboj pagu por sia vojaĝkosto kaj manĝaĵoj, dum ni, la instruistoj, aranĝus iamaniere, kolekti sumon da mono, kiu sufiĉos por la necesa elspezo por tendoj, litkovriloj, dungado de kuiristo, ktp. Ni kalkulis, ke, por la unua jaro, la bezonota sumo estus proksimume dekdu funtoj sterlingaj (240 markoj).

Kiel havigi ĝin? Unue, dum kristnaska libertempo, ni verkis porknaban teatraĵeton, kun la intenco prezenti ĝin antaŭ la gepatroj kaj amikoj de la knaboj, je koncerto aŭ simila kunveno, kaj tiel havigi al ni la necesan monon. Sed la vojo al financa sukceso pere de koncertoj estas iom hazarda kaj ankaŭ iom malrapida por ni. Do, fine, ni aranĝis alian metodon; tio estis, havigi la monon per vendado de ĉiuspecaj ĉifonaĵoj (angle, Jumble Sale). Tiu vendado estis kontentiga sukceso kaj alportis al nia kaso sufiĉe da mono por daŭri dum kelkaj jaroj.

Ĉar ni nun havas la monon, ni devas antaŭenmarŝi ankoraŭ unu paŝon. Ni devas trovi konvenan lokon por lerneja tendaro, ne tro proksima eĉ al granda vilaĝo, en sufiĉe bela parto de la lando, kie la knaboj povus libere vagadi, ne ĉiam vidante la malbenindajn vortojn: „Ne promenu sur la herbejo!“ Tiun lokon ni trovis en la insulo Arran, en vilaĝeto nomata Pirnmill. Oni proponis, ke ni nin turnu al la Loka Eduka Komitato por ricevi permeson por la uzado de la vilaĝa lernejo. Tion ni faris, samtempe sciigante al la Komitato, kia estos nia tendaro, ke la knaboj ne senpage vizitos ĝin, sed ke tamen multaj el ili, tre respektindaj, ne pasigos libertempon ekster Glasgovo, se ili ne libertempos ĉe nia tendaro. Feliĉe, la Komitato favoris nian projekton, ĉu ĉar ili ŝatas helpi tiujn, kiuj faras ion por helpi sin mem, aŭ ĉu mi skribis per mia plej bona skribmaniero — mi ne scias! Tiun permeson ni ricevis unue, en Oktobro 1925, por nia tendaro en 1926. Tiel sukcesplena estis tiu unua tendaro

ke, de tiu tempo, la tendaro fariĝis ĉiujara okazintaĵo en nia lerneja vivo. Pri unu el tiuj tendaroj, mi volas skribi kelkajn vortojn.

Unue — kelkajn vortojn pri Pirnmill, la tendara vilaĝo. Ĝi estas preskaŭ perfekta loko por malgranda tendaro, kun maldanĝera marbordo, allogaj montdeklivoj kun sennombraj kunikloj, belaj promenejoj, verdaj arboj, plaŭdantaj riveretoj kun arĝentaj fiŝoj — ĉio kion la koro de knabo povus deziri. Pirnmill estas marborda vilaĝeto sur la okcidenta flanko de la insulo Arran, kiun oni povas atingi post kvinhora vagonar- kaj ŝipveturado de Glasgovo. Mi dubas, ĉu estas en Pirnmill eĉ cent domoj. La vivmaniero de la vilaĝo estas tre simpla, kaj la enloĝantoj tre honestaj. Por knaboj ĝi havas ankoraŭ unu allogon — ne ekzistas elŝipiĝejo ĉe Pirnmill — oni devas fari la vojaĝon de la vaporŝipo al la marbordo en granda pramo. La lernejo mem konsistas el du ĉambroj — unu granda kaj longa, kiun ni uzis kiel manĝoĉambron. Ni havis tri tendojn por la knaboj, kaj tiujn ni starigis en la ludkampo de la lernejo. Tiu ludejo ne estis kovrita, kiel la glasgovaj lernejaj ludejoj, de malmola pavimo, sed de mola herbaĵo. Ni ankaŭ povis uzi la lavkuvojn kaj necesejojn de la lernejo. La lernejo mem estis tute apud la marbordo. Je la malantaŭo de la lernejo estis deklivoj kaj verdaj kampoj, arboj kaj floroj. Tia estis la loko elektita por nia tendaro.

Dum la jaro antaŭ la komenco de la tendaro, ni devis fari aranĝojn en nia lernejo en Glasgovo, por kolekti la monon de la knaboj. Mi deziras diri nun, ke estis du kialoj por nia decido ne aranĝi senpagan tendaron. La unua estis, ke la knaboj, dum la jaro, elspezas sufiĉe multe da mono, ĉiusemajne, ĉe la kinematografejo. Do, per iom malpli da bilddomoj, ili povus ŝpari sufiĉe da mono dum la jaro, por pagi por sia propra libertempo. La alia kialo estis ke, laŭ nia opinio, oni ne tiel multe ŝatas la senpagaĵon, kiel oni ŝatas tion, kio iom kostas. Do, en la lernejo, ni aranĝis bankon, de kiu mi estis la kasisto. La knaboj kiuj intencis partopreni la libertempan tendaron, ricevis bank-kartojn, sur kiuj, de tempo al tempo, mi notis la sumojn pagitajn al mi, ĝis kiam oni atingis dudek kvin ŝilingojn — la sumon kiun ĉiu knabo devis pagi.

Nun, mi devas diri ion pri la tendaro mem, pri la ordinara ĉiutaga rutino. Ĉe nia tendaro, estis devoj por ĉiuj, do ĉiu devis laŭvice labori. Ĉiutage unu instruisto kaj kvar knaboj deĵoris. La laboro ne estis tro peza; nek okazis tro ofte. La unuan jaron de nia tendaro, ni dungis kuiriston, kaj al li la knaboj donis la necesan helpon. Sed, de tiu tempo, ni ne plu dungis kuiriston, ĉar unu du el niaj propraj instruistoj estas tre spertaj rilate al la kuir-arto; kaj nun estras tiun fakon. Post ĉiu manĝo, la kvar deĵorantaj knaboj devis purigi la uzitan manĝilaron. La deĵorperiodo por ĉiu kvaro estis de la tria horo kaj duono de unu tago ĝis la sama horo je la sekvonta tago. La devoj ne okazis pli ofte ol dufoje dum la libertempo. La instruisto kiu deĵoris, ellitiĝis inter la kvina kaj la sesa matene.

Li eklumigis la fajron en la klasĉambro, kaj ankaŭ la grandan tendaran fajron ekstere. Mi povas certigi ke, je kelkaj matenoj, kiam la vento forte blovis, aŭ kiam multe pluvis, la tasko ne estis facila. Je duono post la sesa, ni vekis la kvar deĵorantajn knabojn, kiuj unue, lavis sin mem, kaj tiam estis pretaj por la diversaj matenaj devoj. La aliaj knaboj vekiĝis je duono post la sepa, kaj matenmanĝis je duono post la oka. La tagmanĝo okazis je la unua, la temanĝo je duono post la kvina, kaj la vespermanĝo je duono post la naŭa. Je la deka, vespere, ĉiu knabo devis enlitiĝi.

Dum la nokto, la knaboj dormis en tendoj, dekunu en ĉiu tendo, kaj ili havis sufiĉe da spaco. Sub ĉiu knabo estis kaŭĉuka terkovrilo, kaj ankaŭ pajlma-

traco, super ĉiu estis du lankovriloj. Kiel mi jam diris, la tendoj estis lokitaj en la lerneja ludkampo, la granda klasĉambro estis la manĝoĉambro. Oni uzis la lernejajn pupitrojn kiel tablojn, sed unue, ni kovris ilin per blanka vakstolo.

Por instigi la knabojn al pureco kaj bonordo, okazis ĉiumatene parado, tuj post la matenmanĝo. Je tiu parado, la deĵoranta instruisto inspektis la knabojn mem, iliajn posedaĵojn, tendojn ktp., por eltrovi ĉu ĉio estas en bona ordo. Al ĉiu tendaro, oni donis poentojn — ju pli bona la tendo, des pli altaj ĝiaj poentoj. Mi notis la poentojn ĉiumatene, en notlibro. Je la fino de la libertempo, ĉiu knabo en la tendo kun la plej multaj poentoj, ricevis premion. La konkurado por tiuj premioj estis tre forta, kaj por ni, estis tre kontentige rimarki kiel zorgeme la knaboj atentis pri siaj propraj personoj, kaj pri siaj tendoj. Mi estos tre kontentaj, se tiuj bonaj kutimoj daŭros ĉe tiuj knaboj, dum la venontaj jaroj.

Nun, vi eble volas fari la demandon — kion faris la knaboj dum la tago? Ĉe la tendaro, ni havis bankon kontrolitan de unu el la instruistoj. Mi konsilis al ĉiu knabo, ke li enmetis en tiun bankon sian tutan monon, tuj kiam li alvenos en Pirnmill. La banko estis malferma ĉiutage, je la deka matene, por kelkaj minutoj, kiam la knaboj povis eltiri monon el sia konto. Kvankam la knaboj aĉetis por si mem sufiĉe da bombonoj, mi devas aldoni, je ilia honoro, ke ili ankaŭ elspezis sufiĉe da mono, aĉetante donacojn por la patrino, patro, kaj gefratoj. Tiujn donacojn mi tenis por ili en aparta ŝranko en la lernejo, ĝis la tago de foriro. Kiam tiu tago alvenis, mi miris pri la granda nombro de donacoj, kiujn la knaboj estis aĉetantaj por forporti hejmen. Ili mem pasigis bonan libertempon — sed samtempe ili ne forgesis la amikojn, kiuj restis hejme.

Mi jam diris, ke la knaboj ofte kaj multe manĝis, sed ili ne manĝis dum la tuta tago. Mi trovis aliajn okupojn por ili. Ĉiutage la knaboj laŭvice, ne nur purigis la manĝilaron-pladojn, tranĉilojn, forkojn, kulerojn, kaserolojn, ktp., — ili ankaŭ purigis, laŭbezone, siajn proprajn vestaĵojn. Apud la lernejo estis rivereto, kie, kelkfoje, la knaboj lavis siajn ĉemizojn, ŝtrumpojn kaj naztukojn. Aliaj preferis lavi siajn vestojn en la lavkuvoj de la lernejo. Por ni, ne estis grave, kie ili lavis la vestojn. Mi nur deziras, ke ili estu ĉiam sufiĉe puraj, ĉar en la tendara vivo, same kiel en la ordinara, post boneco venas pureco.

Mi esperas tamen, ke mi ne donis la impreson, ke la knaboj ĉiam laboris. Tion ili ja ne faris. Pli ofte, ili simple ĝuis la vivon, ĝuste laŭ sia volo. Kelkfoje, ili amuzis sin per la pilko, kelkfoje ili banis sin en la maro, kaj kelkfoje ili serĉis fiŝetojn kaj angilojn en la multnombraj lagetoj inter la rokoj apud la sablaro.

Dum tiuj gajaj horoj, kiel modernaj Kolumboj, ili eltrovis tute novajn mondojn.

Ni ofte havis piknikojn, kiuj okazis ordinare dum la posttagmezo. Arram estas ideala loko por piknikoj. Kutime, ni faris promenadon kvar—kvin kilometran, laŭlonge de la marbordo, al loko, kiu estis sufiĉe ebena por ludoj, kaj sufiĉe sabla por marbano. Kiam ni alvenis je la elektita loko, la knaboj unue devis serĉi branĉetojn, trunketojn, ian ajn specon de ligno, por la necesa fajro. Tiam unu el la instruistoj zorgis pri la fajro, kaj la temanĝa preparado. Dume, la knaboj kaj la aliaj instruistoj ĝuis la naĝadon kaj plaŭdadon, kaj ludojn en la maro. Kiam la teo estis preta, la knaboj kaj instruistoj forte atakis la sandviĉojn, kaj poste dronigis ilin per teo. Post la temanĝo, ni kutime ludis piedpilkon, aŭ kriketon. En la vespero, kun kantoj kaj ridetoj, ni revenis hejmen, lacaj sed kontentaj.

Dum la libertempo ni havis specialan ekskurson — ni rondiris la insulon Arran en aŭtomobiloj. Entute ni bezonis kvin aŭtomobilojn, ĉar ni estis pli ol kvardek. Dum la preskaŭ centkilometra eks-

kurso, ni haltis dufoje — unue tagmeze, por lunĉi, kaj due, je la kvara posttagmeze, por temanĝi. Kompreneble, ni portis niajn proprajn manĝaĵojn, do tiun tagon, ni piknikis efektive dufoje. Estis bela tago, kun brulanta suno, kaj la junuloj estis preskaŭ en la „sepa paradizo". Ĉiun fojon kiam survoje ili vidis kuniklon, ili faris bruon sufiĉe fortan, ne nur por timigi la kuniklon, sed eĉ por veki ĉiun mortintan kuniklon en Arram. Kaj kiam, vespere, post la ekskurso, ni denove alvenis en Pirnmill, ĉiu knabo estis tute ravita pro la sukceso de nia tuttaga ekskurso ĉirkaŭ Arram.

Dufoje, dum la libertempo, oni disponis al ni senpage la pramon. Unu matenon, ni enŝipigis en ĝin la knabojn, remis en la golfeto, kaj tiam ĉiuj senvestiĝis kaj banis kaj naĝis en la maro. Post la naĝado, ni remis ĉirkaŭ la haringa ŝiparo, kiu kuŝis en la golfeto, kaj interbabiladis kun la maristoj sur tiuj ŝipoj. La maristoj estis tre afablaj, kaj donacis al la knaboj tiom da fiŝoj, ke ili ne povis uzi ĉiujn. Kiam ni albordiĝis, la knaboj penis senostigi la fiŝojn. Kvankam unu du sukcesis, tamen, je la fino, multaj havis neniun restaĵon krom la haŭto de la fiŝo. Pri tiu rezulto, tamen, la mevoj estis tute kontentaj!

La tago antaŭ la granda ekskurso estis nia antaŭlasta tut-tago, do ni decidis dediĉi ĝian posttagmezon al niaj sportoj. Okazis diversspecaj konkursoj, kun multe da premioj, por kiuj estis tre forta konkurado inter la knaboj.

Ĉeestis la sportojn sinjoro, kiun la knaboj poste nomis „La ŝilinga reĝo". Li estis riĉulo kiu vizitis Pirnmill dum Julio, volis helpi la knabojn kaj aranĝis por ili specialan konkurson. Li promesis ŝilingon al ĉiu knabo, kiu povas fari poenton kontraŭ li, piedbatante piedpilkon preter li, inter du stangoj. La knaboj devis trafi la celon je distanco de dekok metroj. Entute dekkvar knaboj sukcesis do ĉiu el ili ricevis unu ŝilingon. Tiun vesperon la knaboj venis al mi kun tre urĝa demando — ĉu la „ŝilinga reĝo" (tiel ili nomis la sinjoron) intencas veni al Pirnmill proksiman someron!

Je la lasta tago ni aranĝis grandan tendaran fajron sur la sablaro. Dum kelke da tagoj antaŭ la lasta, la knaboj kolektadis lignon — trunketojn, branĉojn ktp. — kaj amasigis ilin sur la sablaro, por la granda fajro. Ni superŝutis la lignon per parafino, kaj tiam, ĉio estis preta por la naŭa vespere, kiam la afero komenciĝus. El la lernejo ni portis la pianon, kaj kelke da benkoj. Je la naŭa, preskaŭ ĉiu persono en la vilaĝo ĉeestas. Ni disdonis kantfolietojn, kaj tiam okazis komuna kantado en la freŝa aero. En la mezo de la koncerto, dum paŭzo, vilaĝestro afable disdonis la premiojn de la sporta konkurado al la knaboj. Poste ni daŭrigis la koncerton, kaj finis la vesperon per la granda fajro. Ĉirkaŭ la fajro, ĉiuj — junaj kaj maljunaj — kunigis la manojn en granda rondo kaj kantis la faman skotan kanton „Ould Lang Syne" (Estintaj Tagoj). Fine, sonis la fajfilo la signalon por la enlitiĝo, kaj la knaboj eniris siajn tendojn.

Ne tre gaja estis la lasta mateno, ĉar ĉiuj tre malĝojis pro tio ke ili devas forlasi tian belan lokon. Sed kvankam la knaboj lasis post si la belaĵojn kaj belecon de Pirnmill, ili ĉiuj portis hejmen tre ĉarmajn memorojn de kontentiga libertempo en la lerneja tendaro. La vojaĝo surŝipe, la piknikoj, la granda ekskurso. la ĉiunokta dormado sub la kanvaso, la ĉiutaga vivo en la freŝa aero, kaj la kamaradeco de la tendara vivo — ĉiuj restos kiel belaj memoroj por tiuj feliĉaj knaboj, kiuj pasigis du neforgeseblajn semajnojn apud la marbordo ĉe lerneja tendaro.

De la jaro 1926, ĉiujare denove ni okazigis nian lernejan tendaron en Pirnmill, Arram — dum du semajnoj en Julio. Ĝi estas bonega, ne nur por la knaboj, sed ankaŭ por la instruistoj, kiuj dum du semajnoj en tendaro povas kompreni la knabojn pli bone ol dum du jaroj en la

klasĉambro. Por la lernejo ĝi ankaŭ estas bona. Simile al Esperanto, la tendaro plibonigas la komunan spiriton de la lernejo. Pro miaj propraj spertoj — mi tre kore rekomendas la lernejan tendaron — sed nur kondiĉe ke la lernantoj partoprenu ĝin, ne nur laborante en ĝi, sed ankaŭ pagante, (almenaŭ parte) por ĝi.

David Kennedy,
60 Craypark, Dennistown, Glasgow.

---

# Kion oni povas atingi dum unu jaro.

Ernst Fickler, Riesa-Gröba, Saksujo.

Ne multon?! Depost Aprilo 1928 Esperanto-instruado estas enkondukita en ĉiuj popollernejoj de Riesa.

Mi instruas ĝin depost sama dato. En mia Esperanto-klaso sidas 13 knaboj kaj 16 knabinoj. Post duonjara instruado mi provis apliki korespondadon kiel helpilon por sukcesiga fervoro en ellernado de nia lingvo. Entuziasmigite miaj gelernantoj ekprenis la okazon, per simpla korespondado esprimi siajn pensojn al eksterlandaj korespondemuloj, ĉu al infanoj aŭ al plenaĝuloj, ĉiam ili prezentas la saman fervoron. Komence estis malfacile ricevi kaj trovi la taŭgajn adresojn.

Poste mi transdonis oportunajn adresojn, kiujn mi legis en „Heroldo", „Senaciulo" kaj „Esperanto", al miaj gelernantoj. Mi opiniis, kiam iu Esperantisto aplikas nian karan lingvon nur por ricevi vidaĵkartojn, tiam miaj gelernantoj estas kapablaj por plenumi tiun simplan deziron. Kaj mi per tio profitis. Sukceso ne restis for! Tiamaniere ekzistiĝis baldaŭ viglaj interrilatoj. Poste mi enkondukis sistemon en nian korespondadon. Nia celo atingenda estis: Post unu jaro devus korespondadi la klasanoj kun ĉiuj landoj de Eŭropo! Ĉu tion ni atingis?

Sed ĉu ankaŭ la gekolegoj scietas la laboron? Ekzemple: la interligo franca ne estis atingebla. Miaj infanoj ne ricevis respondon. Mi plendis al sinjoro Boubou. Li: „Mi bedaŭras, Esperanto ne estas enkondukita en francaj infanlernejoj ktp." Nu, mi skribis al redakcio de „La Movado" kaj petis por senpaga akcepto de mia anonco. Ĝi estis afabla kaj plenumis mian deziron. Post unu monato alvenis el Parizo, el Boulogne poŝtkartoj enhavantaj: mi estas ema por korespondi kun via gelernantoj . . . Do, vi vidas! Kie ekzistas volo, tie troviĝas vojo! Nun, post unujara korespondado, miaj gelernantoj korespondis aŭ korespondas kun jenaj landoj:

| | | | |
|---|---|---|---|
| Belgujo | 1 | Anglujo | 9 |
| Estonujo | 3 | Finnlando | 1 |
| Francujo | 1 | Nederlando | 4 |
| Jugoslavio | 1 | Latvujo | 1 |
| Litovujo | 2 | Rumanujo | 3 |
| Rusujo | 14 | Svedujo | 12 |
| Svisujo | 1 | Hispanujo | 1 |
| Ĉeĥoslovakujo | 2 | Hungarujo | 6 |
| Usono | 1 | | |

(La nombroj signifas la korespondantojn.)

Entute mia klaso ricevis 104 ilustritajn poŝtkartojn, 106 leterojn, 84 vidaĵkartojn, 21 gazetojn, 25 fotografaĵojn. Partoprenas la korespondadon 16 knabinoj kaj 9 knaboj. (La knabinoj verŝajne pli pro posta ebleco de edziniĝo?)

Ho, ni supozis, ke tio estu sufiĉa materialo por ekspozicio! Ni laboris febre. Post unu jaro depost la unua ricevo de eksterlanda poŝtaĵo, je la 8-a de Decembro 1929, ni aranĝis ekspozicion.

Ni prezentis jenon:

1. Sur malnova karto de Eŭropo, kiun ni gluis sur kartonon, ni markis tiujn lokojn, el kiuj iam kaj ĉiam poŝtaĵoj alvenis. Per ruĝaj fadenoj ni kunligis surkarte nian hejmurbon kun fremdaj lokoj.
2. Ĉiu infano posedis sian propran malgrandan Eŭropokarton, sur kiu ĝi estis markanta la lokojn de siaj gekorespondantoj.
3. En bluajn kajerojn la geknaboj skribis la tradukaĵojn germanlingve. La ka-

jeroj enhavis german- kaj esperantlingve la tekstojn de la forsenditaj leteroj aŭ poŝtkartoj.
4. Sur kartonojn ni gluis la plej belajn vidaĵkartojn laŭlande.
5. Sur tablo kuŝis la diverslingvaj gazetoj.
6. Diverslitere presitaj ĵurnaloj sub la rimarko: „Ne nur la lingvo, sed ankaŭ la skribmaniero estas diversaj!“
7. Kolekto de diversaj „apetitigaj“ poŝtmarkoj sur kovertoj dekoraciis unu tablon.
8. Ni montris la devenon de niaj adresoj per elpendigo de „Heroldo“, „Sennaciulo“ kaj „Esperanto“.
9. Ankaŭ la korespondaĵoj, kiuj alvenis kaŭze de nia anonco pri aranĝota ekspozicio en Heroldo kaj Sennaciulo, ornamis muron kaj tablon. Sur karto desegnita ni montris per strekoj la lokojn. Estis 46 poŝtaĵoj el 18 landoj. Inter ili troviĝis esperantlingva telegramo el Leningrad.
10. Surgluitaj fotografaĵoj kompletigis la ekspozicion.

Grandega sukceso! Ĉu ne?

„Sed en nia lernejo ne estas enkondukita Esperanto!“ diras iu! Nia klaso korespondadis kolektive kun svedaj infanoj, kiuj ricevis klerigon Esperantan de la instruisto ekster la enkondukitaj fakoj. Pripensu: kiu havas la infanaron, tiu havos la estontecon!

---

# Decido de la Konferenco de la Nacia Unio de Instruistinoj en Canterbury.

ICK sciigas al ni:

Ĉe la ĉiujara Konferenco de la Nacia Unio de instruistinoj en Canterbury en Januaro 1930, oni unuanime akceptis la jenan rezolucion:

„Kredante, ke la kresko de internacia kompreno dependas de pli intima kaj senpera interŝanĝo de ideoj inter la popoloj de la mondo, tiu ĉi konferenco opinias ke oni devus alpreni kaj instrui internacian helpan lingvon kiel duan lingvon en ĉiuj lernejoj.“ (Traduko.)

---

# Kelkaj notindaj artikoloj
## el la esperantista gazetaro 1929.

### A. Esperanto-movado.

**20 Jahre Esperanto-Institut.** (20 jarojn Esperanto-instituto.) Germana Esperantisto. Berlino 1929. N-ro 11. — Evoluo kaj laboro de la instituto.

**Esperanto neniel estas lingvo.** (Ruslingve.) G. Demidjuk. — Informilo de CK SEU. Moskvo. 1928. N-ro 11/12. — La artikolo per nove trovitaj dokumentoj karakterizas rilaton de la cara cenzuro en Ruslando al Esperanto kaj montras, ke malpermeso de „La Esperantisto“, farita de la cenzuro en 1895, okazis pro la propono de politika polico.

**La nov-organizo de la Esperanto-movado.** Heroldo de Esperanto. Kolonjo. 1929. N-ro 44. — Okaze de la Budapesta kongreso oni diskutis la problemon de unuecigo de la Esperanto-movado. Oni esperas atingi la plejmulton da Esperantistoj. Taskoj de grupoj, naciaj organizoj kaj de Centra Direkcio. Rilato al la nuna UEA.

**Radio-numero** de la Germana Esperantisto. Berlino 1928, N-ro 12 (parte germane, parte Esperante). — Temoj: Mondradio — radiolingvo. Kion diras la mondligo de la dissendsocietoj pri Esperanto? Programo. Adresoj. Nombroj.

**Stato de la Esperanto-movado en la mondo ĉe la fino de la jaro 1928.** — Germana Esperantisto, (GEA) Berlino, 1929. Januaro (germane).

**Esperanto en universitatoj.** E. Privat. — Esperanto (UEA). Ĝenevo, 1929. Februaro. — Estas necese, ke Esperanto eniru la universitatojn, sed ne, por ke

ĝi estu instruata, sed por ke ĝi servu kiel kampo de lingva scienco kaj serĉado. Nur tiamaniere universitatuloj ekkonos, ke Esperanto estas vivanta lingvo kaj meritas ilian respekton. En la beletristika fakultato de la Ĝeneva universitato oni intencas havi ĉiusabate konferencon pri tiuj temoj.

**Esperanta vortfarado.** Julio Baghy. — Antaŭen. Budapest, 1929. Majo. — Neceso kaj sufiĉo estas la du principoj de la vortfarado. La vorto a l i a kaj ĝiaj derivaĵoj.

**Miaj rememoroj.** Felikso Zamenhof. — Pola Esperantisto. Krakovo, 1929. N-ro 4. — Felikso Zamenhof rakontas, kiam, kiel kaj kial li fariĝis Esperantisto.

**La angla kiel mondlingvo.** Henry W. Hetzel, Philadelphia. — Pola Esperantisto. Krakovo, 1928. N-ro 10. — Vera pruvo de lingva sufiĉo ne estas en okazaj kontaktoj kun iu aŭ alia mondparto, sed intima diskutado, vera internacia kunveno. Tion pripensu tiuj, kiuj asertas, ke la angla estas mondlingvo.

**Esperanto aŭ angla lingvo?** Arnold Kalisch. — ISK. Ĝenevo, 1929. N-ro 3. — Esperanto ne plu progresas, ĉar la teda disputo inter la multaj helplingvoj ne finiĝas, kaj tio paralizas la movadon. La angla lingvo estas tiel disvastigita, ke ie ekzistas homoj, kiuj konas ĝin. Ankaŭ la angla lingvo estas facile ellernebla. Ne ekzistas politikaj ofendsentoj kontraŭ ĝi. Fremdaj lingvoj en popollernejoj ne estas novaĵo. La angla lingvo donas materiajn avantaĝojn, Esperanto ne. Ankaŭ la angla lingvo povas estiĝi proletara helplingvo, se oni studas ĝin de la dua aŭ tria lerneja jaro en la popollernejo. — Poste kontraŭaj rimarkoj de slava Esperantisto.

**Arbeiterjugend und Esperanto.** (Laborista junularo kaj Esp.) Karl Heinz, Wien. — La socialisto (ALLE). Vieno, 1929. N-ro 7 (germane kaj Esperante.). — La tuta numero estas dediĉita al la junularo okaze de la junularrenkontiĝo en Vieno 1929. Stato de la Socialismo kaj de la junlaborista movado en Hispanujo, Hungarujo, Nederlando, Palestino, Polujo, Finnlando.

**La lingva situacio en la nuna mondo.** E. Privat. — Esperanto. Ĝenevo, 1929. Oktobro. — Politika situacio post la subskribo en Hago (Sept. 1928) por la pacgarantio kaj la problemo de mastraj kaj subgradaj popoloj — lingva problemo.

**Rememoro funebra pri Prof. Jan Baudouin de Courtenay.** Leo Belmont. — Pola Esperantisto. Krakovo, 1929. N-ro 11. — Vivo. Eminenteco por lingvoscienco kaj internacia helplingvo.

**Al ministro Briand.** — Okaze de la propono pri uniigitaj ŝtatoj de Eŭropo letero malfermita de „Pola Esperanto-Asocio". — Pola Esperantisto. Krakovo, 1929. N-ro 10. — Tre grava propono: Oni kunvoku konferencon, kiu subskribu:

„Ni (Francujo, Polujo ktp.) promesas enkonduki Esperanton Zamenhofan devige en la lernejoj de la tuta lando, se samtempe la samon subskribos minimume kvin aliaj ŝtatoj."

### B. Esperantologio.

**Helplingvoj en Afriko.** E. Privat — Esperanto. (UEA.) Ĝenevo, 1929. Februaro. — La indiĝenaj gentoj en Afriko postulas lernejon kaj libron. En 1925 fondiĝis Internacia Instituto de Afrikaj Lingvoj kaj Kulturo kun sidejo en Londono. Laŭ la afrikaj rasoj kaj gentaj ĉefgrupoj elkreskos — pli bone: konstruiĝos — kelkaj helplingvaj idiomoj, kiuj estos ne malpli artefaritaj ol Esperanto.

**La Jafetida teorio de Marr.** Ernest Drezen. — Esperanto. Ĝenevo, 1929. N-ro 7/8. (Resuma traduko el „Bulletin de Voks".) — La tezoj de la nuna lingvistiko. Marr: pratempe ekzistis multaj, ne unu, primitivaj lingvoj. — La nomo „jafetida". — Evoluo de la lingvo el mangestoj trans religiaj kantoj al sona

lingvoparolo sub dependo de natura kaj socia medio.

**La „Ĉe"-metodo.** Otto Simon. — La Socialisto. Vieno, 1929. N-ro 11. — La metodo estas la rekta. La lernantoj mem trovas la regulojn, estas instruo per laboro. — Kondiĉoj:

1. kursgvidanto kun sufiĉe granda pedagogia talento;
2. kursanoj samspecaj.

Nur elementa kurso!

**C. Diversaĵo.**

**Gotthold Ephraim Lessing.** Otto Simon. — La Socialisto. Vieno, 1929. N-ro 2. — Mallonga rememoro pri Lessing kiel heroldo de vera homaranismo.

**Ĉu la gejunularo havas politikan taskon?** Maria Hodann. — ISK. Ĝenevo, 1929. N-ro 2. — M. H. montras, ke la nuna parti-politika gejunularo ne estas sur bona vojo, kiun montris Lenin en sia verko „Al la junularo". La politika tasko de la junularo estas, komenci per revolucio en la propra persono.

**La polaj malkovrintoj kaj vojaĝintoj.** D-ro Adam Gadomski. — Pola Esperantisto. Krakovo, 1929. N-roj 2 kaj 3. — Historia skizo depost la 15-a jarcento ĝis la nuna tempo.

**La vivstato de malriĉa virino en Japanio.** — Sennaciulo. (SAT.) Parizo - Leipcigo, 1929. N-ro 232. — Japana laboristino priskribas, kiel ŝi pasigas sian tagon, kiel malalta estas ŝia vivstato.

**Lernanta Turkujo.** — Esperanto. (UEA.) Ĝenevo, 1929. Majo. — La artikolo enhavas bonan resumon pri la antaŭaj kaj nunaj klopodoj de la osmana registaro por klerigo, precipe de la popolamaso.

**Strukturo de laboro por plikvalifikado de pedagogoj.** P. Paribok. — Soveta pedagogia revuo. Moskvo, 1929. N-ro 1. — Oni pritraktas la ŝanĝon de la soveta instruistaro el la malnova, antaŭrevolucia lernejo al la nova, soveta. Tri periodoj. Kursoj ktp. — Organizata memklerigo.

**Nelson, Leonard.** — Laborinto por justeco. Minna Specht (Parolado ĉe memor-solenaĵo por Leonard Nelson). — ISK. Ĝenevo, 1929. N-ro 4.

**Problemo de rasoj.** G. F. Nicolai. — La Progreso. Praha, 1929. N-ro 9/10. — Bona, mallonga kritiko de rasteorio laŭ (lingva esplorado, laŭ studo de korpaj signoj) historio kaj biologio.

---

## Recenzoj.

Adolphe Ferrière, Estonta Eduko. Alvoko al gepatroj kaj edukestraroj. El „Transformons l'Ecole" tradukis H. Danneil. Genève 1929, Universala Esperanto-Asocio. 72 paĝ. Prezo: 1,50 sv. frank. — UEA sendas tiun libreton al anoj, kiuj pagis la kotizon por 1930 antaŭ la jarfino de 1929. Mi komencas mian recenzon per la finvortoj el la antaŭparolo de Edmond Privat: „Al la libro mi deziras grandan sukceson kaj esperas, ke ĝin sekvos baldaŭ pluaj." En la mallonga enkonduko Ferrière diras tre sprite, kiel la diablo kreis la lernejojn. La du ĉefpartoj de la verketo havas jenajn surskribojn: Respondecoj. Lernejo kaj postuloj de psikologio. — Ferrière demandas: Kiuj estas kulpaj pri la malsukcesoj de nuntempa lernejo? Ĉu gepatroj, inspektoroj, ŝtato, instruistoj? Li montras, ke sinjorino „Rutino" estas ĉefkulpa. En la unua ĉapitro priparolas la aŭtoro gravajn aferojn je tono ne serioza. Tiu parto estas tradukita en modela stilo. En dua ĉapitro li traktas pri jenaj psikologiaj leĝoj: Leĝo de progreso, biogeneza leĝo, leĝo de intereso-penado kaj leĝo de libereco. Kiel Rousseau kaj Pestalozzi diras Ferrière, „ke malbono en la mondo rezultas de nerva kaj mensa malekvilibro ĉe infanoj, kaj ke ekvilibro de individuo aŭtomate sekvigus ekvilibron de socio." Laŭ mia opinio li pravas — el vidpunkto pedagoga; tamen la mondo estas konsiderenda el pluraj vidpunktoj. Gekolegoj, legu tiun valoran libron! Ĝi estas perlo en la pedagogia esperantista literaturo.

# Nova prezidanto por TAGE

(elektita de la „Laborkomisiono por TAGE“).

Ni havas novan prezidanton! Kiam la ĝisnuna prezidanto, s-ro kolego Neužil — al kiu ni esprimas nian dankon pro lia ĝisnuna laboro — estis rezigninta antaŭ kelkaj monatoj, ni unuamomente ne sciis, kiun elekti. Ni preferis „interregnum“-on al tuja nova, nepripensita elekto. Cetere ni samopiniis pri jenaj punktoj:

1. Ni bezonas prezidanton el la kolegaro n e g e r m a n a. Tre volonte ni, kiel germanaj — cetere ĉiuj saksaj — kolegoj en nia Laborkomisiono laboras por nia TAGE. — Ni ankaŭ tre ŝatas la nunan situacion, en kiu ni ĉiumonate povas labori en regula konferenco, por kiu ni kunvenas en Riesa, urbo kun tre vigla Esperanto-vivo, meze inter Leipzig kaj Dresden. La Saksa Asocio de instruistoj esperantistaj, kiel la plej bone organizita, estas komisiita, gvidi la laborojn por nia internacia asocio, kaj en la Saksa Asocio oni komisiis la gvidadon de la aferoj al nia „Laborkomisiono por TAGE“, al kiu apartenas kiel membroj la prezidantoj de la Saksa kaj de la Germana Asocioj, la vizprezidanto kaj la administranto de la internacia asocio TAGE, la redaktanto de IPR, la direktoro de la Esperanto-Instituto por la Germana Respubliko, la sekretariino de „Kunlaborado“ kun IALA, kaj eminentaj regulaj gastoj, inter ili, konataj kiel tre lertaj esperantistoj, s-roj lerneja konsilanto D-ro Trögel, studkonsilisto D-ro Döhler, lernejestro Haubold, metia instruisto Naumann, prezidanto de la Saksa Esperanto-Ligo kaj aliaj. Post unu- ĝis duhora veturado ni ĉiuj povas ĉeesti la konferencojn de nia Laborkomisiono. Tre taŭga situacio! Ĉio ordigita en spaco de relative malgranda teritorio, en Saksujo! Sed ni neniam forgesas, ke TAGE estas i n t e r n a c i a asocio. Kaj pro la internacieco estas necese, ke la prezidantecon havu kolego el alia lando.

2.. La prezidanto devas aparteni al nacio — se eble al granda nacio — en kiu ekzistas sufiĉe grava organizacio de instruistoj, en kiu li povas labori por nia ideo kaj per kiu lia reputacio estas speciale garantiata.

3. Li devas esti, se eble, reprezentanto de la popollerneja instruistaro, ĉar la plej granda parto de nia membraro estas kolegoj, kiuj instruas en popollernejoj.

4. Li devas esti kolego, kiu ne nur akceptas la titolon de prezidanto kaj reprezentas nin ne nur dum la internaciaj kongresoj, sed laboras por nia afero konstante kaj serioze dum la tuta daŭro de l' jaro.

5. Li devas esti kolego, kiu reprezentas nian asocion sen iaj ajn specialaj — eble politikaj — apudceloj, kolego, kiu nur celas la propagandon de nia ideo pro la pedagogia kaj popolpaciga valoro de Esperanto.

Do, ni eluzis kelkajn monatojn por „sondi la cirkonstancojn“, kaj kiel prezidanto de nia Laborkomisiono mi skribis al 15 naciaj asocioj kaj cetere al gvidantaj personoj, por demandi, kiu kolego taŭgos kiel nia prezidanto. De naŭ nacioj mi ricevis respondojn kaj tre diversajn proponojn. Rilate kelkajn personojn mi esploris, ĉu ili akceptos: kelkaj rifuzis, kelkaj faris kondiĉojn, kelkaj proponis aliajn personojn.

Intertempe en nia konferenco ni konstatis mankon en nia TAGE-regularo; ĝi ne enhavas klaran decidon pri la aranĝo kaj konfirmo de niaj elektoj. Do, ni decidis kaj nun proponas tion al la gekolegoj tutmondaj: ke ĉiujare dum nia oficiala fakkunsido en la internaciaj kongresoj la tuta prezidantaro denove estu proponata de nia Laborkomisiono kaj konfirmata de la ĉeestantaj TAGE-anoj. La oficoj en la prezidantaro ne devas esti dumvivaj; ni devas havi la eblecon anstataŭi tiujn membrojn de la prezidantaro, kiuj ne plu volas labori en ĝi kaj adapti niajn bezonojn al la cirkonstancoj. Komprenoble ĉiuj anoj de la prezidantaro estas reelekteblaj kaj estas dezirinde, ke ili funk-

ciu ne nur unu jaron, ĉar ni bezonas gvidantojn kun certa rutino.

*

La fino de niaj klopodoj, la fina, de la konferencanoj tre sopirita, rezulto estis: Ni havis antaŭ ni la eblecon, elekti anglan samideanon kaj kolegon, anon de NUT, t. e. de la granda angla „National Union of Teachers“, do, kolegon el granda nacio, kolegon el la lando, en kiu okazos la venonta internacia kongreso, cetere kolegon, kiu por sia persono jam montris sufiĉan intereson por TAGE kaj por la Esperanto-movado inter niaj gekolegoj tutmondaj, kolegon, pri kiu ni speciale esperas, ke li havigos al TAGE novajn membrojn el NUT kaj al IPR korespondantojn el Britujo, el la angle parolantaj landoj kaj el la tuta mondo.

Kaj ni unuanime elektis ĉi tiun kolegon. Li estas:

S-ro G. W. Roome el Sheffield (21, Glen Almond Road)

Koregajn bondezirojn al nia nova prezidanto! Ni en nia Laborkomisiono promesas al li fidelan kunlaboradon kaj energian helpon. Ni esperas, ke ĉiuj TAGEanoj konsentos la elekton kaj faros ĉion, por ke li povu labori kun daŭra sukceso, ne nur en la rondo de niaj anglaj gekolegoj kaj dum la kongreso en Oxford, sed ankaŭ en la rondoj de la alilandaj kolegoj kaj dum la kongresoj de la postvenontaj jaroj.

Vivu, kresku, floru TAGE sub angla gvidado! D-ro Dietterle.

## Donaco al IPR.

K-o Bruklis-Latvio donacis 1,40 RM de sia akcio. Ni tre dankas. G.

## „Ĉu vi jam mendis la kulturologion?“

Dum la pasinta jaro ni forsendis „antaŭmendilojn“ por la kulturologio de Gustav Klemm. Bedaŭrinde la nombro de la menditaj ekzempleroj ne estis tre granda. Tial ni ne jam povas riski la eldonon de la grava verko.

La „kulturologio“ estas fundamenta verko de la moderna pedagogio kun bona famo inter la germana instruistaro.

La „kulturologio“ koncernanta la tuthomaran kulturon, estas tradukita Esperanten dum dujara fervora laborado de plej kompetenta komisiono de saksaj instruistoj.

Ĉu tiu trezoro ne povos esti utiligata por ĉiuj, nur pro mankantaj monrimedoj? Ĉu la valora laboro de la tradukintoj estos vana?

Vi povas helpi, antaŭmendante la verkon, kies prezo estos proksimume unu dolaro.

Mendu tuj per poŝtkarto al
Esperanto-Asocio de Saksaj Geinstruistoj
prez.: Walther Hahn, lernejestro,
Gohlis-Dresden, Post Cossebaude,
Germanujo.

## Korespondo-Oficejo: Supraĵa semado.

Ĵus mi legis la ĉefartikolon en n-ro 7 (14. II. 30) de „Heroldo“. Ĝi instigis min, al la titolo por mia artikolo. Tio, pri kio mi hodiaŭ volas paroli estas la sama afero, pri kiu en Heroldo skribis M. Dembinski. Li skizas la hodiaŭan situacion per jena bildo:

„Post 40-jara senlaca konstanta semado ni konstatas kun miro, ke la kreskaĵoj malmulte densiĝis, la kampo, ĝenerale, negrave plivastiĝis.“ . . .“

„Kaŭzoj de tiu malbono estas diversaj, multaj de ni nedependaj; sed la semantoj mem estas parte kulpaj pro tiu malabunda rikolto. Ni, antaŭe entute ne aŭ nur tre malmulte prilaborinte la fruktodonan teron, ĵetas la semojn nur supraĵe, plu por ili ne klopodante.“ —

Oni povus priskribi la situacion ankaŭ per alia bildo: de tempo al tempo ie ajn en la movado ekestas granda fajro, ekflamanta kun forta flamo kaj hela brilo, sed baldaŭ en la samaj regionoj, kie oni

vidis la lumon de l' flamanta fajro, oni ne plu trovas eĉ fajreron sub la cindro. La ĉefan kulpon miaopinie preskaŭ ĉiam havas tiuj, kiuj ekflamigis la fajron, sed ne zorgis por ke ĝi daŭre lumu kaj brulu. Espereble tre multaj komprenos la sencon de la du bildoj: ni havas en Esperantujo lertajn entuziasmigantajn propagandistojn — ili varbas por nia ideo, ili trovas multan aplaŭdon, ili esperantigas multajn personojn, sed ili ne samtempe zorgas por tio, ke la novaj adeptoj estu retenataj ĉe nia afero, kondukataj, instigataj al praktika laboro kaj uzado de nia lingvo, interrilatigataj kun la tutmonda samideanaro. Ni ne miru, ke sub tiaj kondiĉoj la entuziasmo komenca malaperas post nelonge, ke la movado ĉesas, kaj ke la komenca sukceso postlasas nur indiferentulojn.

Ĉiu grandstila propagando enhavas en si certan danĝeron. Se oni, propagandante Esperanton, ne samtempe povas garantii al la novaj adeptoj, ke ili povas iel ajn uzi Esperanton en la praktika vivo, se oni ne samtempe povas krei organizacion, kiu daŭre kaj lerte laboras post la „tempo de la unua amo", kiu silente kaj obstine eluzas ĉiujn eblecojn por progresigi la kun laŭta entuziasmo aliĝintajn novajn membrojn, por regule kontentigi iliajn postulojn, por plenumi iliajn esperojn, tiam multe da bela kaj promesdona laboro estas vane farita, tiam la semado montriĝas supraĵa. Ĉiuj en nia movado agu laŭ siaj talentoj. Ni honoru la homojn kun propagando-talentoj. Sed la samideanaro entute ne forgesu, ke entuziasmigi la homojn por nia ideo estas nur la unua paŝo, kiun devas sekvi aliaj, same kaj ankoraŭ pli necesaj.

Sciante tion, mi ĉiam, kiam mi aŭdas pri novaj, en la tutan mondon trumpetitaj, sukcesoj de ia ajn propagando, iomete retenas mian ĝojon pri ili, ja mi eĉ ne povas subpremi timon pri eble postvenonta malsukceso. La kulpon rilate tiajn malsukcesojn kutime ne havas la novaj adeptoj, sed la fakto, ke ĉi tiuj ne trovas tion, kion ili serĉas. Ŝajnas al mi nepra devo de tiuj, kiuj aranĝas propagandon, ke ili jam dum la unuaj propagandaj paŝoj pripensu, kio estas farenda, se la propagando sukcesas.

Ni imagu, ke en iu ajn loko de iu ajn lando nia propagando sukcesis, varbi cent personojn por nia ideo. Ili lernas la lingvon, ili eble finlernas en siaj kursoj. Kompreneble post la kurso ili devas komenci la propran Esperanto-laboron en la propra senco de l' vorto. Sed se en la koncerna loko ne ekzistas sufiĉe vigla grupo, kiu zorgas pri pliperfektigado de la novuloj, aŭ se la koncernan lokon eble ne vizitas eksterlandaj samideanoj, kiuj povus ĉiam denove veki intereson, aŭ se inter la cent personoj troviĝas eble ne unu, al kiu lia ekonomia situacio permesas, viziti internacian kongreson — kio okazos? Estas tute superflue, respondi al ĉi tiu demando. La novuloj plejgrandparte perdas sian emon al Esperanto, kiam ili neniel povas apliki ĝin praktike. Eble eĉ, se oni antaŭe promesis al ili tro multon, kelkaj el ili fariĝos kontraŭuloj de la mondhelplingva ideo. Ili diros: ni faris la provon, ni partoprenis la eksperimenton, sed ĝi ne sukcesis, ni ne plu emas labori por tiu ne efektivigebla ideo.

Ankaŭ tie, kie ne ekzistas vigla grupo, kie ne okazas vizitoj de eksterlandaj samideanoj, kie oni ne povas viziti kongresojn ktp. ktp., ekzistas unu rimedo, unu certa vojo, por ligi la novulojn al nia movado. Oni zorgu, ke ili havu minimume la okazon de daŭraj skribaj interrilatoj, en kiuj ili povas regule praktike uzi la lingvon, dum kiuj ili regule povas gustumi la ĝojon de internacia interkompreno, per kiuj ili ĉiam sentas sin ligataj al la ĝenerala movado. Oni zorgu pri korespondantoj en aliaj landoj.

Tion mi precipe volas akcenti kaj substreki, kiam mi rigardas la nunan staton de nia movado inter la gekolegoj diverslandaj kaj gelernantoj el la lernejoj. Ni aŭdas pri atentindaj progresoj ekz. inter

la geinstruistaro en Svedujo, Litovujo, Estonlando, Hollando, kie pastro Ĉe kun siaj helpantoj varbis ankaŭ multajn gekolegojn el la instruistaro, same en Saksujo, kie kaŭze de la diligenta laboro de la Saksa Asocio de Instruistoj Esperantistaj multaj gekolegoj nun partoprenas kursojn, oficiale subtenatajn de la Ministerio por Popoledukado.

Gekolegoj! Interrilatu vi mem kun kolegoj el aliaj landoj, instigu viajn kolegojn al korespondado kun alilanduloj, devigu ilin al korespondado. Nia „Kunlaborado kun IALA“ kaj la „Laborkomisiono por TAGE“ tre volonte zorgos pri tiaj interrilatoj. Sed ili bezonas organizadon. Gekolegoj! Sendu al ni la listojn kaj adresojn de ĉiuj gekolegoj, kiuj estas novaj adeptoj de nia afero en via urbo, en via lando. Instigu ilin, ke ili sendu siajn nomojn por nia Korespondo-Oficejo, kiu tute senpage aperigos ilin. Diru al ili, ke jam ekzistas „Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj“ kaj „pedagogia fakgazeto, la „Internacia Pedagogia Revuo“. Klarigu al ili, ke ni kiel ĉiuj aliaj samfakuloj, bezonas organizacionojn nacian kaj internacian. La unuopa persono estas kaj restas senhelpa, sed unuigitaj ni estas forto, kiu fortigos nin mem kaj respektindigos nin antaŭ niaj registaroj kaj niaj neesperantistaj gekolegoj.

Estante membro de nia internacia asocio, estante abonanto de nia komuna fakgazeto, estante korespondanto kun alilandaj kolegoj, la unuopa kolego, eĉ en la plej soleca vilaĝo, neniam plu sin sentos sola kaj ĉiam gajnos novan kuraĝon por nia laboro. Li neniam perdos la klaran senton, ke li apartenas al rondo, en kiu li ĉiam trovos kolegojn kaj amikojn, harmonie sentantajn kun li kaj serĉantajn la saman celon kiel li.

La sekretariino de nia „Kunlaborado“ jam entreprenis multon por krei interligon inter la novaj esperantistaj kolegoj kaj la malnovaj. Sed vane! Malgraŭ ke ni tre ofte legas pri novaj sukcesoj kaj progresoj, ni ne povas havigi al ni listojn de la novuloj, ni ne povas havigi al ni iliajn adresojn, por kompletigi nian, pro la propagando urĝe bezonatan, statistikan materialon kaj por turni nin persone al ili kun sciigoj, kiuj por ili estas tre gravaj. Ĝis nun ni konstatis la ekzistadon de ĉirkaŭ 5 000 gekolegoj esperantistaj en pli ol 50 landoj. Certe ni povos konstati la duoblan nombron, eĉ, se nur parto de la novuloj alvenos al ni. De la malnovuloj ni ja ĝis nun ankaŭ havas nur parteton en nia oficiala organizacio. Ĉi tiuj miloj da kolegoj devas esti organizataj kaj la unuopa kolego devas scii pri la aliaj. Pripensu, kiom grave estus nia organizacio, se ĝi ampleksus ĉiujn gekolegojn en la mondo! Pripensu, kiel imponaj estus la rezultoj, se ĉiu kolego esperantista korespondus minimume kun unu eksterlanda kolego pri seriozaj temoj! Pripensu, kian grandiozan materialon ni povus prezenti ekz. al internaciaj pedagogiaj kongresoj, se el ĉiu klaso de lernejo, en kiu oni instruas Esperanton, minimume 2—3 gelernantoj partoprenus internacian korespondadon kun alilandaj gelernantoj!

Ni ĝoju pri la sukcesa propagando-laboro farita ĝis nun, sed ĝi havas daŭran valoron nur, se ĝin sekvos daŭra komuna laboro, bone ordigita organizacio, internaciaj interrilatoj.

Mi preskaŭ hontas, ke mi hodiaŭ denove devas paroli pri aferoj kiuj estas memkompreneblaj. Tamen la tuta situacio postulus tion. Espereble ĝi baldaŭ ne plu postulos ĝin. Venu baldaŭ la tempo, en kiu oni ne nur s c i a s pri tio, kio estas farenda, sed en kiu oni ankaŭ a g a s laŭ tio, kion oni scias.

•

Anoncu vin kiel membron de TAGE kaj abonanton de IPR ĉe kolego Karl Kröber, Riesa-Elbe, Weststrasse 4, Saksujo.

Anoncu vin kaj viajn gelernantojn por internacia korespondado ĉe D-ro Dietter'e, Leipzig W. 31, Seumestrasse 10.

D-ro J. Dietterle.

Konservu ĉi tiun folion,
kiun vi bezonos estontatempe pro la numeroj de la korespondantoj!

Aldono al IPR.

# Korespondo-Oficejo, Listo 3.

# A

## Skemo por rubriko A: (por gekolegoj).

1. Nomo (Antaŭ- kaj Patronomo)?
2. Profesio? (en kia speco de lernejo la kolego instruas?)
3. Aĝo?
4. Loko? a) strato aŭ domo, b) urbo aŭ vilaĝo, c) provinco aŭ distrikto, lando ktp., d) regno.
5. Deziras korespondi kun?
6. Deziras korespondi pri?
7. Specialaj deziroj?

NB. Estas necese, skribi tre legeble kaj per latinaj literoj.

Al 2. nesufiĉas la vorto „instruisto“; estas dezirinde, ke ĉiu tre klare diru, en kiagrada lernejo li instruas.
Al 3. La mencio de l' aĝo ŝajnas rekomendinda pro diversaj kaŭzoj.
Al 4. Ekzistas tre diversaj manieroj, sciigi pri adreso. Ni nepre devas uzi la saman manieron por eviti konfuzojn. Do, ĉiuj estas petataj doni sian adreson laŭ la proponita maniero.

La demandsigno (?) montras, ke pli detala informo laŭ la skemo estas dezirinda.

**N-ro 55.**
1. Daniel Gené 2. instruisto? 3. 27-jara 4. a) Statiestraat 53 b) Berchem-Anvers c) ? d) Belgujo 5. gekolegoj tutmondaj 6. ĉiuj temoj, escepte lernejaj aferoj 7. interŝanĝas ilustr. kartojn kaj poŝtmarkojn sur bildflanko.

**N-ro 56.**
1. Max Pruss 2. instruisto en popollernejo 3. 35-jara 4. a) Schule b) Kleinkagen c) Meissen. Land (Saksujo) d) Germanujo 5. gekolegoj en popollernejoj el ĉiuj landoj 6. konstruo de publika instruado kaj pacifismo 7. —.

**N-ro 57.**
1. Pedro Cortinas 2. lingva instruisto 3. ? 4. a) Bauerngasse 1 b) Nürnberg c) Bayern d) Germanujo 5. gekolegoj hispanaj kaj hungaraj 6. iu ajn temo 7. —.

**N-ro 58.**
1. Arthur Sohrmann 2. instruisto en popollernejo 3. 58-jara 4. a) Kronprinzenstr. 5 b) Weinböhla-Dresden c) Saksujo d) Germanujo 5. gekolegoj ĉiulandaj (plej volonte gekolegoj, kies gelernantoj korespondus kun la miaj) 6. spertoj pri infankorespondado 7. —.

**N-ro 59.**
1. Rudolf Alschner 2. instruisto en popollernejo 3. 30-jara 4. a) — b) Brockwitz c) Dresden, Saksujo d) Germanujo 5. kolegoj ĉiulandaj 6. lernejaj temoj kaj politikaj demandoj 7. —.

N-ro 60.

1. Paul Bennemann (L. K.) 2. instruisto en popollernejo 3. 45-jara 4. a) Tiefe Strasse 5 b) Leipzig C. 1 c) Saksujo d) Germanujo 5. gesamideanoj prefere el neeŭropaj landoj 6. popolmuziko kaj popolkantoj, terminoj pedagogiaj, psikologiaj kaj filozofiaj en Esperanto 7. interŝanĝo de popolkantoj (tradukitaj) kaj de iliaj muziknotoj (presitaj aŭ skribitaj).

N-ro 61.

1. José Bargés 2. instruisto? 3. ? 4. a) Escola Pia 2 b) Gerona c) ? d) Hispanujo 5. gekolegoj ĉiulandaj krom Germanujo, Francujo, Anglujo, Aŭstrujo 6. iu ajn temo 7. interŝanĝas poŝtmarkojn.

N-ro 62.

1. Waclaw Chrzanowski 2. instruisto en komercaj lernejoj 3. ? 4. a) Rudna 6 b) Sosnowiec c) ? d) Polujo 5. inteligentaj gesamideanoj de la tuta mondo 6. iu ajn temo 7. —.

N-ro 63.

1. Johano Ĉelovanj 2. instruisto en vilaĝa popollernejo de 1-a grado 3. 42-jara 4. a) — b) st. Apostolovo, poŝto Ozet v. Mikolo-Musijevko c) Ukrainio d) Rusujo 5. kamaradoj ĉiulandaj 6. vivo kaj laboro de vilaĝanoj.

N-ro 64.

1. Knut Anderberg 2. instruisto? 3. ? 4. a) — b) Ormastorp c) ? d) Svedujo 5. gekolegoj tutmondaj 6. plej diversaj temoj 7. —.

N-ro 65.

1. Fritiof Ahnfeldt 2. instruisto en popollernejo 3. 41-jara 4. a) — b) Torskors c) Inglatorp, Blekinge d) Svedujo 5. geinstruistoj ĉiulandaj 6. fakaj kaj religiaj temoj 7. interŝanĝas pedagogiajn gazetojn.

N-ro 66.

1. Gunhild Zetterholm 2. instruistino? 3. ? 4. a) — b) Gunnarstorp c) ? d) Svedujo 5. gekolegoj tutmondaj 6. plej diversaj temoj 7. —.

N-ro 67.

1. Bernhard Wottrich 2. instruisto en popollernejo 3. 55-jara 4. a) Friedensstr. 46 b) Magdeburg d) Germanujo 5. gekolegoj ĉiulandaj 6. iu ajn temo, precipe Esperanto-instruado 7. Laboraĵoj de gelernantoj.

N-ro 68.

1. Wilhelm Sünder 2. instruisto en popollernejo 3. 35-jara 4. a) — b) Niederschöna c) Saksujo d) Germanujo 5. tutmondaj gekolegoj 6. sporto kaj gimnastiko 7. —.

N-ro 69.

1. Karl Knopf 2. studkonsilisto en mezlernejo (Realschule), instruas matematikon, meteorologion, fizikon, ĥemion, geologion 3. 45-jara 4. a) Obere Schloßstr. 32 b) Schwarzenberg-Sa. c) Saksujo d) Germanujo 5. geinstruistoj aŭ geesperantistoj italaj 6. lando, vivo, homoj, geologio, vetero, vidindaĵoj, vojaĝado, plenkreskul-instruo en Italujo 7. Mi kiel estro de popolaltlernejo (Volkshochschule) kaj ĉirkaŭ 15 de ties membroj (parte esperantistoj) volas fari vojaĝon al Italujo dum somero 1931 kaj plejeble ankaŭ viziti la korespondontojn.

N-ro 70.

1. Stanko Prvanoviĉ 2. instruisto en popollernejo 3. 26-jara 4. a) — b) (vilaĝo) Krivi Vir c) Timoĉki d) Jugoslavio 5. geinstruistoj el ĉiuj partoj de la mondo 6. moderna instruo kaj edukado 7. ŝanĝas pedagogiajn kaj porinfanajn gazetojn.

N-ro 71.

1. Pieter Korte 2. estro de popollernejo 3. 35-jara 4. a) — b) Drieborg c) Groningen d) Nederlando 5. kolegoj ĉiulandaj 6. pri la geografia kaj historia instruado pri Nederlando en eksterlandaj popollernejoj kaj pri tiuj instrufakoj rilatantaj la instruon de eksterlando en niaj nederlandaj popoilernejoj; ŝanĝos koncernajn instruilojn 7. —.

N-ro 72.

1. Otto Müller 2. popollerneja instruisto 3. 31-jara 4. a) Dölzschergraben 14 b) Dölzschen c) Dresden 27 d) Germanujo 5. tutmondaj instruistoj 6. geografiaj kaj historiaj temoj 7. interŝanĝas poŝtkartojn ilustritajn, fotografaĵojn kaj infan-desegnojn pri pejzaĝoj, urboj ktp.

N-ro 73.
1. B. Egers 2. popollerneja instruisto 3. — 4. a) Klovski Spusk 4 b) Kiev d) Rusujo 7. interŝanĝas belajn poŝtkartojn ilustritajn kun Grekio, Turkio, Hindio, Aŭstralio.

# B

## Skemo por rubriko B: (por gelernantoj).

1. Lando kaj loko de la lernejo?
2. Speco de la lernejo?
3. Kiom da lernant(in)oj deziras korespondi?
4. Aĝo de la lernant(in)oj?
5. Ili deziras korespondi kun?
6. Ili deziras korespondi pri?
7. Nomo kaj adreso de la „peranto", kiu aranĝos la korespondado-aferon?

NB. Al 2 estas nepre necese diri, kiu estas la grado de la koncerna lernejo, ĉar la korespondado funkcios nur inter iom egalinstruitaj lernantoj.
Al 3. Nepre necese!
Al 4. Vidu al 2.!
Al 5. Kie la lernantoj ne elektas korespondantojn el speciala lando, oni simple diru „kun ĉiuj landoj".
Al 6. Verŝajne specialaj deziroj estos konstateblaj nur dum la korespondado mem.

N-ro 32.
**Bulgarujo** 1. grad Rahovo 2. gimnazio 3. 1 lernanto de 8-a klaso 4. ? 5. gesamideanoj ĉiulandaj 6. diversaj temoj 7. Ivan Monov (lernanto), gimnazio, grad Rahovo, Bulgarujo.

N-ro 33.
**Bulgarujo** 1. grad Rahov 2. gimnazio 3. 1 lernanto de 8-a klaso 4. ? 5. gesamideanoj ĉiulandaj 6. diversaj temoj 7. Angel Petkov (lernanto), gimnazio, grad Rahovo, Bulgarujo.

N-ro 34.
**Bulgarujo** 1. grad Rahovo 2. gimnazio 3. 1 lernanto de 7-a klaso 4. ? 5. gesamideanoj ĉiulandaj 6. diversaj temoj 7. Dimitri Stojanov (lernanto), gimnazio, grad Rahovo, Bulgarujo.

N-ro 35.
**Germanujo** 1. Brockwitz (Bez. Dresden, Saksujo) 2. popollernejo 3. 3—5 gelernantoj 4. 11-jaraj 5. samaĝaj gelernantoj de ĉiuj landoj 6. infanaj temoj (lernejo, ludoj) 7. instruisto Rudolf Alschner, Brockwitz (Bez. Dresden), Germanujo.

N-ro 36.
**Germanujo** 1. Weinböhla-Dresden (Saksujo) 2. popollernejo 3. 20 gelernantoj 4. 12—14-jaraj 5. infanoj ĉiulandaj 6. iu ajn temo 7. instruisto Arthur Sohrmann, Kronprinzenstr. 5, Weinböhla-Dresden (Saksujo), Germanujo (vid. A N-ro 58).

N-ro 37.
**Grekujo** 1. Ĥalkida 2. gimnazio (mezgranda klasika lernejo) 3. 25 lernantoj de la 2-a klaso 4. 12—15-jaraj 5. alilandaj samideanoj 6. diversaj temoj (precipe lerneja vivo) 7. profesoro Alkinoos Mazis, Poste Restante, Ĥalkida, Grekujo.

N-ro 38.
**Rusujo** 1. st. Apostolovo, poŝto Ozet, v. Mikolo-Musijevko (Ukrainio) 2. unuagrada vilaĝa lernejo 3. 20 gelernantoj 4. 12—15-jaraj 5. kamaradoj el ĉiuj landoj 6. vivo kaj lernado 7. instruisto Johano Ĉelovanj, st. Apostolovo, poŝto Ozet v. Mikolo-Musijevko (Ukrainio), Rusujo.

N-ro 39.
**Rusujo** 1. Odessa 2. laborlernejo N-ro 28 rusa 3. 28 gelernantoj 4. 12—14-jaraj

5. ĉiuj landoj 6. lerneja vivo, geografio de landoj. Ili komunikos pri soveta lerneja vivo, nova kalendaro, kvinjara plano de konstruado, infanmovado ktp., (interŝanĝos ilustritajn poŝtkartojn, desegnaĵojn, fotojn, geografiajn kartojn, muziknotojn, esperantaĵojn, Esperanto-kajerojn kun ekzercoj) 7. instruisto Veniamin Vozdviĵenskij, Komsomolska 61, Odessa, Rusujo.

N-ro 40.

**Rusujo** 1. Odessa 2. laborlernejo N-ro 29 ukraina 3. 5 knabinoj 4. 14—15-jaraj 5. ĉiuj landoj 6. vidu N-ron 39 7. instruisto Veniamin Vozdviĵenskij, Komsomolska 2, Odessa, Rusujo.

N-ro 41.

**Rusujo** 1. Odessa 2. muziklaborlernejo 7-jara 3. 70 gelernantoj 4. 10—15-jaraj 5. ĉiuj landoj 6. vidu N-ron 39 7. instruisto Veniamin Vozdviĵenskij, Ostrovidova 61, Muztrudŝkola, Odessa, Rusujo.

N-ro 42.

**Germanujo** 1. Magdeburg 2. popollernejoj kaj mezlernejoj 3. ĉirkaŭ 200 gelernantoj el ĉirkaŭ 15 kursoj 4. 12—14-jaraj 5. samaĝaj gelernantoj el ĉiuj landoj 6. diversaj infan-temoj 7. B. Wottrich, instruisto, Friedensstr. 46, Magdeburg-S., Germanujo.

N-ro 43.

**Nederlando** 1. Bergen op Zoom 2. popollernejo 3. 7 gelernantoj 4. 10—12-jaraj 5. ĉiuj landoj 6. lerneja vivo, popolaj kutimoj ktp., interŝanĝas ilustritajn poŝtkartojn 7. instruisto H. A. Appel, Zuid Oostsingel 5, Bergen op Zoom, Nederlando.

N-ro 44.

**Germanujo** 1. Gohlis-Dresden (Saksujo) 2. popollernejo 3. 6 knabinoj, 5 knaboj 4. 11—14-jaraj 5. ĉiuj landoj 6. interŝanĝo de ilustritaj kartoj, leteroj, bildoj ktp. 7. lernejestro Walther Hahn, Gohlis-Dresden, Post Cossebaude (Saksujo), Germanujo.

N-ro 45.

**Rusujo** 1. Kiev, Sojuz Slepiĥ, Esperanto-kruĵok, Treĥsvjatitelskaja 2 2. Esperanto-rondeto de blinduloj-laboristoj komencantaj 3. 4 virinoj kaj 9 viroj 4. 18—25-jaraj 5. gesamideanoj tutmondaj 6. ĉiuj simplaj temoj 7. adreson vidu sub 1.

N-ro 46.

**Rusujo** 1. Kiev Komditruĥ, Budkomos, ul. Revolucii 16 2. distrikta kabineto de junpioniroj (ruĝaj skoltoj) 3. multnombraj korespondantoj 4 — 5. junpioniraj lernantoj el ĉiuj landoj 6. infana vivo, preso de eksterlandaj leteroj en Kieva infan-gazeto, interŝanĝo de ilustritaj poŝtkartoj, de pion. inf. il. gazetoj, de desegnaĵoj 7. adreson vidu sub 1 kaj 2.

N-ro 47.

**Rusujo** 1. Kiev, Skola Slepiĥ, ul. 25 Oktjabrja 29 2. Esperanto-rondeto ĉe blindullernejo 3. 10 blinduloj-lernantoj 4. 13—16-jaraj 5. samaĝaj kamaradoj-blinduloj kaj ne blindaj tutmondaj 6. lerneja vivo, moroj ktp. 7. adreson vidu sub 1 kaj 2.

N-ro 48.

**Germanujo** 1. Leipzig 2. gimnaziano 3. unu 4. 17-jara 5. samaĝaj gelernantoj, precipe en Usono 6. — 7. Friedr. Wilhelm Ludwig, Leipzig S. 3, Lößnigerstr. 37 pt.

* *

NB. N-ro 18 de listo B (vidu la unuan liston de l' Korespondo-Oficejo) plendas, ke ĝis nun ne anoncis sin korespondemaj gelernantoj por la Usonaj knabinoj. Estas tre dezirinde, ke la gelernantoj ankaŭ korespondu kun Usono!

* *

Pri ĉio, kio rilatas la Korespondo-Oficejon, turnu vin nur al:
D-ro Dietterle, Leipzig W. 31, Seumestr. 10,
aŭ sub ties adreso al: F-ino M. Moelke.

**Se vi ankoraŭ bezonas la 1-an liston, bonvolu ĝin mendi. Sendu al ni adresojn de interesatoj el la kolegaro, al kiuj ni povas sendi la listojn!**

PRESO: HEROLDO DE ESPERANTO, KÖLN

## La venonta numero aperos la 15-an de aprilo.

## Ĉu vi volas

malantaŭen puŝi nian movadon?

## Ĉu vi volas

haltigi la kreskadon de TAGE?

## Ĉu vi volas

malfaciligi la laboron de la administrejo?

## Se ne,

tiam jam komence de la jaro reabonu kaj pagu vian kotizon al la administranto aŭ al via landa agento!

**Administrejo: Karl Kröber, Riesa, Westsrasse 4, Germani.**

---

## Universala Esperanto-Asocio

**celas:**

*Disvastigi* la uzadon de la internacia helplingvo Esperanto.

*Plifaciligi* la ĉiuspecajn moralajn kaj materiajn rilatojn inter la homoj sen diferenco pri raso, nacieco, religio aŭ lingvo.

*Krei* internaciajn servojn uzeblajn de ĉiuj homoj, kies intelektaj aŭ materiaj interesoj celas trans la limojn de ilia genta aŭ lingva teritorio.

*Kreskigi* inter siaj membroj fortikan ligilon de solidareco kaj disvolvigi ĉe ili la komprenon por fremdaj popoloj.

La Asocio estas neŭtrala rilate al religio, nacieco aŭ politiko.

**donas:**

*Al la membroj:* Membrokarton kaj kvarcentokdekpaĝan Jarlibron kun la adresoj de la Delegitoj, Esperantistaj grupoj, gazetoj, organizaĵoj, kun sciigoj pri internaciaj rilatoj ktp.

*Al la Membro-Abonantoj:* Krom tio la gazeton „Esperanto“, internacia ĉeforgano de la Esperantistoj, kun artikoloj literaturaj, sciencaj, teknikaj kaj precizaj informoj pri la movado.

*Al la Subtenantoj:* Krom ĉiuj dokumentoj, kiujn ricevas Membro-Abonanto, premion konsistantan el la Esperanto-literaturo.

Ĉiu aliĝinto rajtas presigi senpage korespondan anonceton unufoje en la gazeto „Esperanto“.

**kaj postulas nur modestan kotizon**

de 5 Fr. por Membro, de 12,50 Fr. por Membro-Abonanto kaj de 25 Fr. svisa valoro por Membro-Subtenanto.

**Universala Esperanto-Asocio**
1 Tour de l'Ile, Genève (Svislando)

---

# La Nova Epoko

literatur-scienc-pedagogia revuo

publikigas i. a. la unikan, ampleksan, sciencan verkon „Historio de la mondolingvo“ de E. Drezen. 16—32-paĝa monata, ilustrita. Abonprezo; 4 germ. mk. jare. Specimeno: 0.30 germ. mk. **Adminstracio: R. Lerchner, Colmstr. 1, Leipzig O 27, Germanujo.**

Mendu ankaŭ la aktualan broŝuron **„La laborista esperantismo“** de E. Lanti. 40 paĝoj. 0.40 germ. mk.

Preso: Heroldo de Esperanto, Köln, Brüsseler Str. 94, Germ.